XIa jaro. No 169 (10) ⭑ Duonmonata ⭑ 5 junio 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poštĉeka konto I.824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# LA PACO

## ĈU VI VOLAS ĜIN?

II

*Malarmo!*

La bonaĵoj riceveblaj de ĝi estas vere entuziasmigaj: forigo de la deviga militista servado kaj ŝparo aŭ uzo por feliĉdonaj celoj de l' grandegaj monsumoj enskribataj en la buĝetoj de tera kaj mara militistaroj.

Oni devas atenti, ke en Francujo, unu triono de l' tuta buĝeto (kiu ampleksas 140 fr. po homo, 550 po familio) estas oferata por la teraj kaj maraj militaj fortoj; unu alia triono estas uzata por pagi procentojn de la Nacia Ŝuldo, kiu tute ne ekzistus, se la militpreparaj bezonoj ne estus dum la kvardek jusaj jaroj igintaj tiom malfacila la ekvilibrigon de l' buĝeto. Cetere, estas notinde, ke partoj gravaj de l' Nacia Ŝuldo estis kreataj speciale por repagi elspezojn militpreparajn ne periodajn, tiajn kiaj fabrikado de modelnovaj pafiloj, renovigo de l' ŝiparo, ktp....

Rigardante al tiuj rezultatoj per iom ekonomiista okulo, oni konstatas, ke jenaj ili estas.

Forigo de l'armadoj igus disponeblaj por produkta laboro: dum tri jaroj pliaj, la muskolajn kaj cerbajn fortojn de l' junuloj, dum ilia tuta vivo la kapablojn de la metiaj militistoj, ĝi ebligus uzi aliacele la fortojn kaj la sciencon de l' laborantoj de l' armilejoj kaj de tiu grava parto de l' salajruloj de la privata industrio, kiu provizas la terajn kaj marajn militistarojn je iliaj mortigiloj.

Vidataj de tiu starloko, la rezultatoj de malarmo ne ŝajnas plu tiom dezirindaj je multaj homoj. Oni ekmire demandas sin, ĉu tiuj junuloj ŝirmitaj dum tri jaroj sub la amika tegmento de l' militistejoj, ĉu tiuj oficiroj, ĉu tiuj laboristoj de publikaj armilejoj kaj de privataj fabrikejoj de militistaj provizaĵoj ne iros plimultigi la kompatindan aron de senlaboruloj.

Oni povas aserti, sed kiel ion pruveblan nur per metodoj kiuj ne havigas certecon matematike klaran, ke, *eĉ se la armadforigo estus efektivigita malrerte,* sen iu ŝirma leĝaranĝo, la nacio kelkajn monatojn poste jam ne plu sentus la labormankan krizon, kiu estus ĝia unua konsekvenco; ĝi jam ekĝuus la multegajn feliĉojn, kiujn kaŭzus la forigo de tiu ega malŝparo de produktokapabloj: la armiteca pacstato. Jen duvorta pruvo de tiu tezo.

La loĝantaro malŝarĝita po unu triono de l' impostoj, rektaj kaj nerektaj, vidus en sia posedaĵo monrimedojn pli gravajn ol iam, 55 fr. ĉiujare po homo, 210 po familio. Tiun monon ĝi uzus plejparte por havigi al si feliĉrimedojn, kiujn nun ĝi forŝparas, aŭ por aĉeti aĵojn pli delikatajn ol nun, aĵojn, de kiuj la fabrikado postulas pli multajn horojn da laboro.

Sed, male ol lasi la solajn bonfarajn naturleĝojn de l' ekonomio, forfaji la dolorojn, kiujn preskaŭ ĉiufoje kaŭzas ŝanĝoj tro rapidaj, la leĝfarantoj povus kunmeti serion de aranĝoj, celantaj malebligi nepre tiujn suferojn, tiel ke ekvivu nur la profitaj rezultatoj, kiujn naskus la uzo en produktodonaj okupoj de la plej viglaj jaroj de nia junularo kaj la difino por feliĉproduktaj laboroj de l' amasaj monkvantoj de l' militaj buĝetoj.

Ne serĉesplorinte por la plej perfekta utiligo de tiuj valoroj, mi jam ekvidas diversajn manierojn uzi ilin.

Ekzemple, oni povus anstataŭigi almenaŭ parte la tri jarojn da militista servo per profesiaj studoj teoriaj kaj praktikaj; alian parton el tiu tempo oni povus uzi en laboregoj

regnaj tiaj, kiaj plitaŭgigo de l' komerchavenoj, kompletigo de l' fervoja kaj de l' kanala retaro, kaj aliaj... La laboristoj de l'armilejoj kaj tiuj, kiuj dungitaj de privataj homoj aŭ firmoj, aplikis siajn penojn en militprovaj preparoj, povus preskaŭ ĉiuj utile uzi siajn fortojn en la regnaj laboregoj tiom efikaj por multobligi la bonstaton de l' loĝantaro.

Certe, la ekonomiistoj povas imagi pli taŭgajn rimedojn ol ĉi-tiuj, por ke malarmo ne nasku krizon, por ke ĝiaj konsekvencoj estu nur tiaj, kiajn ebligas esperi la grandega korpa kaj cerba forto, kiun ĝi liberigus de la militprepara ekzercado kaj de la fabrikado de mortigiloj, por ke ĝiaj konsekvencoj estu nur ĝuĝona ripozo kaj bonajnaska laboro.

Konstatinte la ege ŝatindajn rezultatojn de malarmo, ni devas nun rimarki, ke malarmo eĉ samtempa ne malebligus militon. Tiu aserto estas iom miriga, ĉu ne? Mi konsentas, sed mi esperas, ke mi pruvos ĝin.

Antaŭ kelkaj jaroj la loĝantoj de Champagne estis tre malkontentaj pri kelkaj leĝoj de Francujo; ili ekribelis por postuli novajn leĝojn rilate je kelkaj siaj interesoj ekonomiaj. La Deputataro Franca, la reprezentantoj de l' popolo Franca, prave aŭ ne, ne montris sin cedema je la deziroj de l' Champagne'anoj. Kiu estis prava, kiu malprava, jen demando, kiun mi ne volas respondi. La nura fakto, al kiu mi volas tiri vian atenton, estas, ke okazis grava malpaco inter la loĝantoj de Champagne kaj la aliaj de Francujo. La Champagne'anoj ekribelis, ili faris opajn atencojn kontraŭ la propraĵoj. Certe, se la registaro ne estus disponinta kontraŭ ili organizitan ĝendarmaron, ili estus atakintaj la riĉajojn, se ne komence la personojn de l' ĉirkaŭaj regionoj. Pro tio, estus okazintaj baldaŭ bataloj, batalado, fine milito.

Tian malfeliĉajon malebligis nur la militistara potenco de Francujo, kiu trudis pacon al la batalemuloj ĝis iliaj pasioj kvietiĝis, ĝis sufiĉe malrapida kaj serioza diskuto ebligis trovi pri la malkonsento solvon por neniu el la interesatoj tre malkontentigan.

Do, se militistaro ne estus ekzistinta, milito estus okazinta inter du partoj de Champagne pro, almenaŭ ŝajne, malsimilaj interesoj de ambaŭ partoj. Dank' al la militistaro nur po kelkaj okazis la atencoj kontraŭ la posedaĵoj kaj neniu grava kontraŭ la homoj.

Similaĵo okazis ankaŭ kelkajn jarojn antaŭe (1907) en la plej suda vinbereja parto de Francujo. Tiam la regionoj Francaj, kies interesojn ekonomiajn koncernis la tiam proponataj leĝoj, estis tre multaj.

La vinberkulturistoj de la Narbonne'a (elp. Narbona) regiono dum multaj jaroj estis fabrikintaj multege da kvazaŭvino kaj da vino ne pura. Tiam la jara produktaĵo de iliaj vinberoj estis grave kreskinta. Pro tio, ili ne plu deziris fabriki kvazaŭvinon. Sed, intertempe, la vinproduktistoj de aliaj regionoj estis ekimitintaj iliajn trompojn. Tial la Narbonne'anoj deziris, ke la Deputataro Franca malpermesu la fabrikadon de kvazaŭa vino. Dum iom da tempo oni multe timis, ke la regiono Narbonne'a ribelus, alivorte, militus kontraŭ la cetero de Francujo.

Tia ribelado estus haltigita jam komence, ĉar la registaro komuna de ambaŭ malkonsentantaj partoj de Francujo disponis prete organizitan militistaron por puni la ekmilitantojn. Tamen la cirkonstancoj estis speciale faciligaj por la interna batalado: la registaro estis decidinta enregimentigi siajn soldatojn laŭ ilia naskiĝloko; tio ebligis malobeon de unu regimento: la fama 17a infanteria.

Efektive, se la soldatoj en unu regimento estas tiel zorge miksitaj, ke en la diversaj rotoj staru homoj el diversaj regionoj kaj el diversaj sociaj klasoj, iliaj individuaj interesoj estas malsimilaj, kelkfoje kontraŭaj, — tial iu, kiu emus malobei la ordonon de l' registaro ne nur neprave esperus, ke liaj kunuloj imitos lin, sed prave timus, ke ili kolerus kontraŭ li. Tiel ĉiuj obeas!

Alia pruvo, vere trafa, ke senarmileco de l' registaroj ne certigus internacian pacon, eĉ male, estas trovebla en la historio de la fama sangoverŝa interna milito de Usono. Efektive ĝi povis okazi, ĝi ne estis haltigata tuj komence, ĉar tiam tiu grava Federacio disponis preskaŭ neniom da *interŝtate* organizita militistaro, kiu nur po malmultege okupis la fortikaĵojn de l' Sudo.

Tiuj kelkaj faktoj pruvas tiun veraĵon:

Por malebligi militon, necesa estas militistaro sufiĉe lerte organizita, por ke estu certa ĝia obeo je la aŭtoritato, kies celo estas certigi jurajn rilatojn anstataŭ perfortajn rilatojn.

Konsekvence: *simpla, nura malarmo ne malebligus militon.*

Efektive mi ne bezonas insisti pri tio; iu ajn infano komprenus, ke se du grupoj da homoj malkonsentas pro interesoj malaj siaj, kvankam neniu posedus sciencajn modernajn armilojn, se unu grupo esperas, ke ĝi povas trudi perforte sian volon al la alia, ĝi klopodos por trudi ĝin per minacoj; se minacoj ne sufiĉas, ĝi ekbatalos.

Malarmo ne forigus militon, sed memorante, ke la regnoj kiuj malarmus, ŝparus multe da riĉaĵoj: materialoj kaj fortoj, ni tamen emas aprobi ĝin.

Sed kiel efektivigi tiun armilforigon?

Plej multaj ĝiaj partianoj akceptus ĝin, nur se ĝi okazus samtempe en ĉiuj regnoj. Eĉ se nepra malarmo estus akceptebla de la registaroj, kiom da tempo ni devus atendi ĝis *ĉiuj samtempe* konsentus, ke ĝi taŭgas. Aliaj, entuziasmigitaj de la profitoj, kiujn provizus armilforigo, proponas, ke ilia patrujo tuj forlasu la armadojn, ne atendante konsenton internacian. Sed tia propagando ne povas sukcesi, ĉar estas tre malfacile konvinki multajn homojn, ke ilia regno devas pli fidi la pacemon de l' aliaj ol la aliaj devas fidi la ĝian.

Do tia propagando povus sukcesi nur en lando, kie oni ne ŝatus sian regnan nedependecon, kie oni estus indiferenta pri la libereco de la Patrujo. Tia lando ne ekzistas en la civilizita mondo kaj ne baldaŭ ekzistos, ĉar tia indiferenteco estas tre malfacile disvastigebla.

Prave do mi asertos, ke, eĉ se nepra armilforigo estus ebla, propagando por ĝi ne povus efiki ĝis post multege da jaroj. Sed fakte, ĝi ne estas ebla; neniam la registaroj akceptus malaperigi la organizitan armilularon; ili volos konservi ĉiam almenaŭ policanojn, ĉar la rolo de registaro estas protekti per sia forto la leĝe difinitajn rajtojn de siaj regatoj.

*(Daŭrigota.)* *F. Brossier* (Paris).



# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj de nia administracio pri finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ek pedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas la reabonojn per poŝtrepagoj. En Rusujo, S-ro SZABUNIEVICZ, Del., Moskvo, estas rajtigita de ni por sendi tiujn poŝtrepagojn.**





## SOCIA VIVO



### Popola Universitato en Parizo

Nokto. Pluvo falas. Oni supreniras de la subtera fervojo. Tie helaj lumoj ekbrilas. Ĉi tie multaj tramveturiloj de kiuj la prudento postulas, ke oni sin gardu. Jen estas la placo de „la Bastille", unu el la ĉefaj de Parizo. Dekstre vidiĝas larĝa vojo; tie estas la fame konata "Faubourg Saint-Antoine" (antaŭurbo Sankt-Antonio), la kvartalo de la meblistoj. Tie estas fabrikataj, rafine prilaborataj la artaj mebloj, kiuj de longe mondfamigis la parizajn laboristojn. Tage, estas senĉesa irado, aktiva formikejo ĉiam laboranta, ĉiam bruema. Sed nuntempe, kiam ni ĝin trapasas ĝi jam fariĝis senbrua, malhela; fermitaj estas ĉiuj magazenoj. Ekbrilas nur la drinkejoj, en kiujn eniras aŭ eliras la laboristoj ekkaptitaj per la akraj lumoj, la ŝajno de komforto, varmo, gajeco, kiun ili ne trovas en siaj mizeraj hejmoj. En tiu atmosfero infektita per alkoholo, per tabako kaj per haladzoj, la laboristoj malfortigas la cerbojn kaj la manojn, dank' al kiuj Parizo akiris la gloron de siaj artindustrioj. Nenia „lumturo" en tiu nigra nokto. Pluvo falas. Sed iru ĝis la N-ro 157 de tiu strato. Nenia speciala signo kaptas la rigardon de la trapasantoj. Detale rigardante oni distingas pentritajn per malgrandaj literoj du vortojn: Popola Universitato. Dume, per helegaj, fajraj literoj estas anoncitaj la najbaraj drinkejoj kaj amuzejoj. Eble, ĉar la Vero ne iras al la homoj, ili devas iri al la Vero. Tra tiu malgranda pordo, tra tiu malhela kaj malseketa enirejo, eniris la plej grandaj nomoj de la franca Penso: filozofoj, sciencistoj, artistoj bonkore venis por disdoni al siaj malriĉaj fratoj iom da plezuro, ĝojo, lumo, forgeso.

De dek-kvin jaroj ĉiuvespere sama instruado, estis disdonita. Sed laŭ kia metodo, laŭ kia skolo? ĉu doktrina, politika, religia? Ne, tute libera ĝi estis. Por havi ideon pri la malsimileco kaj la graveco de la problemoj tie studitaj, oni devus tralegi la ĉiumonatajn programojn. Oni eltrovos la nomojn de famuloj pri politiko, scienco, literaturo, arto. Nur kelkajn ni citos: Henri Poincaré, Lippmann, Lacroix, Schrader, Duclaux, Roux, Calmette, Langevin, Legrain, Boutroux, Buisson, Séailles, Ch. Wagner, Rouanet, Fournière, Malato, Yvetot, princo de Monaco, Marc Sangnier, Brunetière, Maurice Vernes, Clémenceau, princo Roland Bonaparte, Doumer, Henri Robert, Mounet-Sully, S-ino Bartet, Coquelin, Antoine, Harold Bauer, Bouchor, Galipaux, Yvette Guilbert, ktp. Laŭ tiuj nomoj, el kiuj multaj estas eksterlande konataj, oni vidas, ke la programoj estas ellaborataj tute aparte de la partiaj malkonsentoj. Krom paroladoj, estas farataj kursoj de franca lingvo por fremduloj, de Esperanta, angla kaj germana lingvoj, de muziko, deklamo, fotografado, ŝakludo, ktp. La laboro estas enciklopedia. Oni kritikatakis tiun programon, riproĉis ĝian vastecon, la mankon de metodo kaj plano, sed oni ne pripensis, ke ĝi ne estas ellaborita por regulaj studentoj, sed por lacaj laboristoj. Ĝi simple reflektas la senordon kaj komplekson de la vivo. Pri niaj studplanoj, pri la vidpunktoj de la pedagogoj, sin ne okupas la vivo. Ĝi starigas ĉiujn demandojn samtempe. Ni devas ilin akcepti laŭ ilia alveno, kaj esti feliĉaj se ni trovas kompetentan voĉon por nin instrui. Krimoj de alkoholuloj, de histeriuloj kaj de degenerintaj infanoj, vulkanaj elsputoj, tertremoj, sociaj leĝoj, strikoj, epidemioj, aviado, novaj libroj, novaj teatraĵoj, polusvojaĝoj, libera komerco, protektsistemo, elektraj progresoj, Ĥinujo, Japanujo, la grandaj militŝipoj, jen temoj ĉiutage elĉerpitaj el la gazetaro kaj tie ĉi metode klarigitaj de kompetentuloj; ili fariĝas temoj de diskutado, de demandoj, de klarigoj, do vera instruado. Rapida, simpla, praktika estas tiu metodo; ĝi tute konvenas al nia publiko kaj konformiĝas al la postuloj de la vivo. Cetere, tiu konfuzo estas pli ŝajna ol reala. Ĉiu paroladisto havas sian fakon, kaj la publiko elektas. La Pozitivista Skolo klarigis en regula serio la doktrinon de Comte. Estis aliaj serioj de paroladoj pri literaturo, labora organizado, astronomio, politika ekonomio, sociologio, kiuj estis fakte kompletaj kursoj.

Inter la anoj estas aktiva grupo, kiu ludas la plej gravajn ĉefverkojn. Ĉiudimanĉe okazas koncerto aŭ teatra ludo, ĉu de la aktora grupo, ĉu de famaj artistoj, kiuj en tiu rondo alportas momenton de saniga ĝojo, de feliĉo, de forgeso de la vivbatalado. Ne ekzistas alia teatro, en kiu la sceno kaj la ĉeestantaro tiel akordiĝas. La aktoroj ne ludas por la ordinara paganta publiko, nek por la glorfamo. Ili ludas por ke la fratoj ĉeestantaj partoprenu en la sama komprenо de la Verko. Kaj la ĉeestantaro tute silente, sed vibrante, kapablas senplende dum pluraj horoj stari, se la sidlokoj ne estas sufiĉaj — kio ja ofte okazas. Sed klamaniere aliĝi? Tio estas simplega. Oni malfermas la pordon, kaj donante laŭvole sian nomon kaj adreson, pagas 50 centimojn (20 sd.) unu karton, kiu rajtigas dum unu monato laŭvole partopreni en ĉiuj kunvenoj, uzi la libraron, legi la multajn gazetojn kaj revuojn de la legĉambro, viziti la kursojn, ktp. Aliĝas kiu volas. Nenia postulo pri patrolando, religio, politiko, aĝo, sekso. Ĉiuj estas bonvene kaj afable akceptataj.

Ĉi tie oni kontraŭbatalas tiun ofte esprimatan ideon: la nemetia kulturo ne interesas la popolon. Nur la ventraj bezonoj estas ĝia parto; por la aliaj la spiritaj feliĉoj. Labori por manĝi, manĝi por labori. En tiun cirklon oni volas enmurigi la laboristaron. La faktoj montras, ke la popolo ankaŭ havas aliajn bezonojn kaj aliajn horizontojn. Ĉi tie oni disdonas la spiritan nutradon al ĉiuj laŭ iliaj bezonoj: la malsatuloj manĝu, la soifantoj trinku!

*E. Souchay*, (Del. Parizo.)

---

### Tra Centra Francujo

*Venu al la bordoj de la rivero Loire*

„Ĉu vi konas tiun landon, kiun oni alnomis la ĝardeno de Francujo; tiun landon, kie oni spiras puran aeron en verdaj ebenaĵoj akvumataj de granda riverego? Se vi trairis, dum la someraj monatoj, la belan Turenon, vi estos longatempe laŭirintaj ravite la trankvilan Loire (elparolu: Luar), vi estos bedaŭrintaj, ke vi ne povis decidi, inter ambaŭ bordoj, tiun kie vi elektus vian loĝejon, por tie forgesi la homojn apud amegata estulo."

Per tiuj allogaj vortoj komenciĝas la fama rakonto de Alfred de Vigny pri Cinq-Mars. La postkongresa karavano tra Centra-Okcidenta Francujo liveras senkomparan okazon por vizitadi rapide kaj malkare regionon plej riĉan je artaj belaĵoj, historiaj monumentoj kaj literaturaj memoraĵoj.

La unua vizito, lundon, la 10 aŭgusto, estos por Orléans, kiu, fama pro la memoro de Jeanne d'Arc, prezentas inter aliaj monumentoj, sian gotikan katedralon Ste-Croix, la domon de Jeanne de Poitiers, kaj sian urbdomon de la epoko de Renesanco.

Post la tagmanĝo en Orléans, vi foriros al Blois, laŭirante la valon. Tie vi vizitos la kastelon, konstruigitan de francaj reĝoj Ludoviko XII kaj Francisko I. Tiu kastelo, rimarkinda interalie pro belega traborita ŝtuparo, estas unika monumento por la historio de la arto, kaj samtempe ĝi elvokas multe da faktoj de la franca historio. Tie naskiĝis Ludoviko XIII, mortis Anne de Bretagne, kunvenis la „Etats généraux" (Parlamento) en 1576 kaj 1588, estis mortigata la duko de Guise, forkuris el malliberejo Marie de Medicis. Vidindaj ankaŭ en Blois malnovaj loĝejoj kaj belaj preĝejoj.

De Blois, vi veturos al la fama kastelo Chambord, konstruita por Francisko I, meze de belega parko, sur terspaco da 5400 hektaroj, apud la bordoj de la riverto Cosson. Ĝi surhavas aregon da turetoj, fenestretoj kaj kamentuboj; ĝi estas precipe fama pro sia vidinda ŝtuparo kun duobla disvolviĝo kaj pro la beleta tureto kun fenestretoj, kiu ĝin surstaras. De Chambord vi revenos al Blois, vi vespermanĝos, vi vesperkunvenos kaj ĝuos noktan ripozon.

Mardon, la 11 aŭgusto, vi foriros per tramveturiloj al Amboise, kies kastelon vi vizitos. Tiu ĉi havas kontraŭ la riverego imponantan fasadon kun dika turo iam difinita por la kavaliroj, kaj fama balkono kie estis pendigitaj la kalvinistoj en 1560; sur ĝiaj terasoj, kapelo St-Hubert, rava gotika konstruaĵo. Tiu kastelo, reĝa havaĵo de 1434 ĝis 1762, estas uzita longatempe kiel ŝtata malliberejo, nome por Abd-el-Kader, de 1847 ĝis 1852. Ĝi estas redonita en 1872 al la grafo de Paris.

De Amboise, vi forveturos per vagonaro al Tours, kie vi tagmanĝos. Tours estas urbo per si mem tre agrabla, restadejo multe ŝatata pro sia klimato. Plie, neniu urbo en Francujo prezentas, same kiel Tours, tiel grandan diversecon de kasteloj en sia ĉirkaŭaĵo, ĉiuj kuŝantaj sur ĉarmaj kampoj kaj en beletaj valoj, facile alireblaj per diversaj fervojoj kaj arego da belaj tervojoj.

Sed inter tiom da belaĵoj, pro la mallonga tempo, oni devas elekti. Do, tuj post la tagmanĝo, vi foriros al Langeais. Tie vi vizitos mirindan feŭdalan kastelon en bonega stato, konstruitan dum la XVa jarcento. Ĝi enhavas artajn kolektojn, kaj apud ĝi oni vidas la ruinaĵojn de turego konstruigita dum la Xa jarcento de Foulques Nerra (elparolu Fulk Nera).

Vizitinte Langeais'on, vi revenos Tours'on. Vi promenos tra la urbo, kie kelkaj monumentoj kaj malnovaj loĝejoj vekos vian atenton: katedralon St-Gatien (de la XIIa ĝis la XVIa jarcento; turoj de la Renesanco; mirinda serio de vitregaj fenestroj, tombo de la infanoj de Karolo VIII); turoj St-Martin kaj Charlemagne; domego Gouin; domo de Tristan l'Hermite. Fine vi admiros la beleganl pejzaĝon kaj ŝtonpontegon super la Loire. Vespermanĝo, vesperkunveno, kaj nokta loĝado en Tours.

Tie finiĝas la unua parto de la ekskurso, kies prezo estas fr. 57. 50 en unua klaso, fr. 48. 50 en dua klaso. Sed multaj kongresanoj volos daŭrigi la vojiron, kaj viziti regionon tiom pli vizitindan, ke ĝi estas pli malofte vizitata. Jen la programo sekvota:

Merkredon, la 12 aŭgusto, vi foriros de Tours al Saumur, kie vi vizitos la Militan Kavalerian Lernejon, la Muzeon de la Ĉevalaĵoj, la ĉarman urbdomon laŭ ogiva stilo, kaj la kastelon (XIa, XIIa kaj XVIa jarcentoj). Post la tagmanĝo, vi tramveturos al Fontevrault, fama abatejo, enhavanta la tombojn de Plantagenet'oj (anglaj reĝoj), kaj al la kastelo de Montsoreau. Reirinte al Saumur kaj vespermanĝinte, vi foriros al Angers, kie vi alvenos je la 21a horo.

En Angers, vesperkunveno en la granda ĉambrego de la urbdomo, kaj oficiala akcepto de la urbestraro.

Ĵaŭdon, la 13 aŭgusto, vi vizitos la kastelon de Angers, flankumitan de 17 rondaj turoj, kiu estas unu el la plej grandegaj fortikaĵoj, kiujn postlasis la Mezepoko, la katedralon St-Maurice, la loĝejon Barrault, la Muzeon David d'Angers. Post la tagmanĝo, vi tramveturos al Trelazé, kie vi vizitos la ardezminojn.

Ne belan, sed strangan pejzaĝon prezentas la Trelazeaj ardezminoj. Ĝi ŝajnas nova eĉ al la multe-vojaĝintoj. Sur terspaco de multaj kilometroj laŭlonge, ĉie kie la ardezvejnoj montriĝas supraje, la praa grundo malaperis, kune kun sia reliefo, sia kreskaĵaro kaj siaj arboj. Ĉie vidiĝas nur bluaj ardezrestaĵoj, brilantaj sub la suno.

Reirinte el Trélazé, vi vespermanĝos en Angers, kaj je la 22a horo, vi foriros al Parizo.

Karaj samideanoj, venu multnombre al la bordoj de la rivero Loire, al regiono fame konata kaj koninda. La loĝantoj estas simplaj, kiel simpla estas ilia vivado, mildaj kiel la aero, kiun ili spiras, kaj fortaj kiel la potenca grundo, kiun ili produktemigas. Ilia lingvo estas la plej pura franca lingvo, ne rapida, ne malrapida, sen ia loka elparolado; la lulilo de la franca lingvo estas tie, apud la lulilo de la francaj reĝoj.

Venante al ni, vi vidos multajn belaĵojn, kaj vi helpos al la propagando de nia kara internacia lingvo. Pro la malofta vizitado de eksterlandaj Esperantistoj, niaj samlandanoj ne tre klare komprenas la utilecon de helpa lingvo. Tial, la Esperantistoj en centra Francujo estas ankoraŭ malmultaj, kvankam tre fervoraj. Sed kiam multaj vizitantoj venos al ni el malproksimaj landoj, kiam en multaj hoteloj, magazenoj, muzeoj, oni aŭdos la dolĉajn Esperantajn vortojn, niaj kontraŭuloj ne plu kontraŭstaros niajn klopodojn kaj aliĝos pli multnombraj al nia movado.

Venu al centra Francujo. Koran bonvenon!

*H. Muffang* (Angers).

## La pariza interkonsento pri la tempsignalo

Sekve de la konferenco, al kiu en oktobro 1912 estis invititaj de l' franca registaro la specialistoj de ĉiuj nacioj, por fiksi la internacian reguligon pri la starigo de senfadenaj tempsignaloj, estis okazinta la 20 novembro 1913 laŭ nova invito de l' franca registaro internacia konferenco, kies celo nun estis la finigo de la dirita laŭkontrakta organizo.

Post kelkataga kunlaborado de l' diplomataj kaj specialistaj delegitoj el preskaŭ ĉiuj kulturlandoj, oni fine sukcesis efektivigi konvencion pri tempsignaloj (Convention de l'Heure), kiu povas esti nomita tre ĝojiga plua fazo de komuna administrado de l' tero. La tuta organizo „Internacia Tempsignal-Asocio“ (Association internationale de l'Heure) estos jena: La plej supera instanco estas la ĝenerala kunveno, kiu okazas ĉiun kvaran jaron kaj en kiu ĉiu ŝtato posedas unu voĉon, sen limigo en la nombro de l' delegitoj. La plej proksima instanco estas la konstanta konsilantaro, kiu konsistas el la voĉdonantoj de la ŝtatoj; poste sekvas la komitato kaj la internacia centra oficejo, kies sidejo estas en Parizo.

La plej proksima laboro de la Pariza centra oficejo kaj de la ĝenerala sekretario nun konsistas en tio, ke oni organizas kiel eble plej bone la kunlaboradon de l' observatorioj por certigo de la tempdifino kun helpo de senfadenaj signaloj, plie ke oni zorgas pri la starigo kaj funkciado de signaldonantaj stacioj en sufiĉa nombro kaj en konvenaj lokoj sur la tuta terglobo (kiel jam nuntempe en Germanujo per la signalstacio „Nordteich“ sur la Nordmara bordo), kaj ke oni speciale zorgas en la intereso ankaŭ de la tempsignal-aferoj pri konvena reguligo kaj apartigo de la kuna funkciado de la plej diversaj perondaj signal-komunikadoj. Nuntempe okazas interŝanĝo de tempsignaloj inter la observatorio en Parizo kaj la observatorio en Washington; en tiuj okazoj la stacio sur la Eifelturo kaj signal-stacioj en orienta Norda-Ameriko sendas la senfadenajn ondojn tra la atmosfero je distancoj de pli ol 6000 kilometroj. Se ĉi tiuj ondoj — kiel oni ĝis nun ĉe pli mallongaj interspacoj preskaŭ trovis certa — trapasas kun la rapideco de la lumo (t. e. 300,000 kilometroj en unu sekundo), tiam la tuta distanco estas trapasata dum malmultaj centonoj de sekundo. Koncerne la tempdifinojn de l' observatorioj, ili ja povas nun trovi la tempon de sia meridiano en la ĉielspaco per observado de l' steloj proksimume ĝis centono de sekundo, sed se dum unu au du semajnoj la ĉielo restis nebula, dependas tute de la perfekteca grado de iliaj pendolhorloĝaj instaloj, kun kia precizeco ili tiam ankoraŭ povas garantii la ĝustan tempdifinon. Per helpo de la jam ekzistantaj plej

perfektaj tiuspecaj instaloj, tio estas ankaŭ dum tia malfavora vetero atingebla ĝis partumo de l' sekundo.

Tiuj mezurad-problemoj ĉiam postulas la precizan sekundon kaj tamen ne povas ĉiam havigi al si signalojn de la lokoj posedantaj la plej perfektan horloĝ-instalon; tial estos agrable se ili povas ricevi ĉiutage senfadenajn tempsignalojn de unu loko. Tiu loko aŭ mem ricevas la ĉiufoje plej precizan tempdifinon senpere de unu el la observatorioj kun la plej certigitaj horloĝ-instaloj aŭ organizas por la akceptado de ĝiaj senfadenaj tempsignaloj la kunhelpon de *kelkaj* diverslokaj observatorioj tiamaniere, ke ĝi povas ĉerpi el la telegrafaj sciigoj pri la komparado de tiuj signaltempoj kun la ĉiufoje plej novaj tempdifinoj de la ĉielo, la kiel eble plej bonajn certigojn aŭ ankaŭ plibonigojn por ĝiaj plej proksimaj, propraj tempdifinoj.

Estos unu el la plej gravaj taskoj de la Pariza centra oficejo, ke ĝi helpas organizi kaj funkciigi tiun kunhelpadon de l' observatorioj en la apartaj landoj kun la tieaj signaldonantaj lokoj (stacioj) kaj same tralandan kunhelpadon de la lastnomitaj lokoj.

Sed la komparado de la astronomiaj tempdifinoj diversloke faritaj kaj ilia transformigo en unu al la tuta tero komunan tempon (kiel nun estas akceptata de ĉiuj landoj la tempo de Greenwich'a meridiano) nun postulas la konon de l' geografia longitud-diferenco de tiu loka meridiano, kies situacion oni observas en la stela ĉielo, kontraŭ tiu komuna komenca meridiano. Do la komuna tempdifino por la tuta tero organiziĝonta per helpo de senfadenaj signaloj estas bazita ankaŭ sur la kono de la geografiaj longitud-diferencoj, ricevita de ĉiu el la kunhelpantaj observatorioj jam per pli fruaj telegrafaj temp-komparadoj. (Antaŭ la eltrovo de l' telegrafo oni difinis ĉi tiujn longitud-diferencojn komence per la luno [kies loka ŝanĝo en la stela ĉielo dum unu horo estas iom pli granda ol la diametro de ĝia disko], plie per la transdonado de l' tempo per la kronometroj.)

Sed aliflanke la ĉiutage videbla komuna tempdifino de la komenca meridiano sur la vastaj mar- kaj landsurfacoj havigas al ni de la ĉielo per senfadenaj signaloj la konon de la geografiaj longitudoj per komparado de tiu tempdifino kun la loka tempo, mezurebla laŭ la steloj aŭ la suno ankaŭ per malgrandaj instrumentoj, kio garantias por la estonteco gravan certigon kaj faciligon de l' surmara orientiĝo kaj de l' elmezurado de la tersurfacoj.

Sed ankaŭ por la problemoj de la grado de la terformiĝo kaj de la divido de la land- kaj marmasoj, la konstanta kontrolo de l' geografiaj longitud-diferencoj per la ĉiama komparado de l' lokaj tempoj de l' observatorioj kun la tempo anoncita per la senfadenaj signaloj, povos havi grandan signifon. Kaj la tuta organizo tiam ankaŭ estos la komenco por komuna starigo de l' observejoj en speciale konvenaj lokoj de la tero.

Prof. *Wilhelm Fœrster* (Berlin).
Trad.[1] *Hans Tressel* (Del. München).

## La sep modernaj mirindaĵoj

V

*VII. La radioj X*

Neniu nescias,[2] ke la eltrovo de la radioj X estas la rezultato de hazarda observo, kiun iam faris Profesoro Wilhelm Conrad Röntgen, el la Universitato de Würzburg, pri kelkaj kristaloj, kiuj, metite flanke de atmosfera tubo (per kiu li faris siajn eksperimentojn) havis fosforan brilon, eĉ kiam ili konsistis el maldiafana substanco. Pli ampleksaj esploroj elmontris, ke la tubo elmetis radiadon, kiu, kvankam ĝi ne estis videbla per la nuda okulo, havis la povon impresi fotografan platon kaj pasi tra la karno kaj la ostoj, la metaloj, la lignaĵoj, fine ĉiuj maldiafanaj korpoj.

Tiu epokfaranta eltrovaĵo estis komunikita al la publiko per dekdupaĝa raporto, publikigita en la Bulteno de la Akademio de Würzburg, gazeto malofte legata ekster kaj eĉ en Germanujo. Unu jaro pasis antaŭ ol la fakto estis denove menciita en unu el la tri plej gravaj sciencaj gazetoj de l' mondo, la „Annalen der Physik".

Mi ĝuste estis tiam studento ĉe la Berlina Universitato, kiam la eltrovo estis farita; ian matenon, dum mi pasis tra la laboratorio, unu el la junaj profesoroj vokis min: „Ho, venu do tien, kaj vidu tiujn fotografaĵojn; tio estas plej eksterordinara; ili estas faritaj per nova radio, kiun Röntgen eltrovis!" Ni kune iris en unu el la malgrandaj laboratorioj, kie mi vidis, kontraŭ la muro, serion de fotografaĵoj, kiuj estas hodiaŭ popularaj, sed tiam estis vere miregigaj. Flanke de ili, estis alpinglita la raporteto, pri kiu mi jam parolis; ĝi klarigis, kiel la fotografaĵoj de la manostoj kaj de moneroj en monujo povis esti faritaj.

Ni tuj komencis eksperimenti. Dum unu semajno diskuris la famo, ke la Imperiestro venigis Profesoron Röntgen al Potsdam por fari eksperimentojn kaj ke ĉi tiu volis instali sian aparaton ĉe la Instituto de Fiziko en Berlino antaŭ ol ĝin transporti al la palaco.

Unu aŭ du semajnojn post tiu okazintaĵo, dua raporto estis publikigita en la sama bulteno; ĝi elmontris aliajn proprecojn de la novaj radioj; poste ĉio fariĝis silenta pri tio, kio koncernis la eltrovon de la radioj X.

Estas vere notinda fakto, ke preskaŭ ĉiò, kion ni scias, pri tiuj rimarkindaj radioj, estas la raporto, kiun dufoje faris la elpensinto mem en la supre notitaj cirkonstancoj. Tio okazis antaŭ dek-kvin jaroj; nur antaŭ unu aŭ du jaroj ĉiuj rimarkoj pri tiu eltrovo estis publikigitaj. Pri la naturo de la radioj X ni estas ankoraŭ malmulte informitaj; tamen ŝajnas evidente, ke estas eterondoj, similaj al la lumondoj, sed multe pli mallongaj.

Se oni demandas min, kial tiuj radioj estas unu el la sep mirindaĵoj de l' moderna mondo, mi timas, ke mi nepovos doni tute kontentigan respondon, ĉar entute ili ne estas tiel mirindaj kiel la lumo mem, ĉar ili havas malpli multe da proprecoj.

Laŭ la opinio de la plimulto, la radioj X estas mirindaj simple ĉar ili fotografas niajn ostojn, sed al la scienculo tiu fakto ne sufiĉas. Ili estas nek rifraktitaj, nek reflektitaj; ili povas montri la objektojn nur en la proporcio de kandeleto ombranta kontraŭ muro; ili havas preskaŭ nenian el la rimarkindaj proprecoj de la lumo. Tamen, ili ne ekzistas en la naturo, kaj tio, laŭ mia opinio, rajtigas al ili unuan lokon en la mirindaĵoj de l' moderna mondo. Lumo, varmo, elektro, kaj eĉ radioj katodikaj, ekzistas en la naturo, sed oni neniam trovis signon pri la radioj X naskitaj per kosma forto. Ili elvenas de atmosfera tubo farita per la homa mano; oni povas diri, ke ili estas kreitaj de la homo, kreitaj el nenio.

Tiuj radioj havas proprecon alte taksatan de la scienculo, nome ilia kapablo pasi tra dikaj metalplatoj. Ĉiuj aliaj formoj de radianta energio en la etero, la ondoj de elektro, varmo kaj lumo, estas haltigataj per simplaj metalfadenoj. Vere estas, ke la lumo pasas tra maldika ora tavolo, sed la radioj X pasas tra aluminia plato dika je unu colo. Tio estas, mi opinias, ilia plej mirinda propreco, kaj ĝi estas multe pli surpriziga ol ilia kapablo trapasi la ledon, la lignon, la brikojn kaj la ŝtonojn, ĉar tiuj lastaj estas maldiafanaj por la lumo, pli pro sia konsisto kaj siaj akcidentaj proprecoj ol pro sia inhera anatomia strukturo, dum la besta karno estas tute diafana por la lumo, sed tamen je malpli alta grado ol por la radioj X.

---

[1] El la monata revuo „*Hochland*".
[2] Traduko de artikolo de S-ro Robert Williams Wood, profesoro ĉe la Universitato John Hopkins en Baltimore.

# ✱ NOTOJ ✱

.·. **Danĝera kutimo de l' infanoj.** — Tre danĝeran malbonkutimon de l' infanoj dum promenadoj, ekskursoj en kampo kaj arbaro devus gepatroj kaj edukistoj energie kontraŭbatali, kie ajn ili ĝin vidas. Sed ne sufiĉas, ke ili ĝin malpermesu dum la faro mem, sed jam antaŭe, antaŭ ol la infanoj mem povas sin difekti per ĝi; ili devus ĉiam ripete atentigi pri la precipa danĝero kaj pri la kruelaj sekvoj. Estas la malbonkutimo manĝi nematurajn grenerojn kaj suĉadi ĉiaspecajn gramineojn kaj iliajn florojn. Atentaj esploroj, daŭrigitaj longtempe, rezultigis, ke unuavice hordeeroj, sed ankaŭ diversaj specoj de gramineoj enhavas en si sukon, kiu, eniĝante en la sangon, kaŭzas malsanigan aliformiĝon de la ĉelaro kaj povas kaŭzi la nekuraceblan malsanon: aktinomikozo. Tiu ĉi malsano, foje enloĝiĝinte en la organismo, estas forigebla nur per tuja operacio, sed plejparte ĝi ne estas tuj rimarkebla kaj la operacio tial vana. Car ĝi disvastiĝas radiforme, eĉ la plej eta, pretervidita ĉe la operacio, resto de tiu ĉi danĝera, kancera ulcero senĉese disvastiĝas kaj nur frua morto sub nedireblaj doloroj povas doni plu savon de ĝi.

La malsano kaŭzita per radioforma bakterio (actinomyces) deiras plejparte de la visceroj, sed povas ataki ĉiujn organojn, ankaŭ la ostojn kaj distingiĝas per longedaŭraj, sed gravaj ŝveliĝoj, pusiĝoj kaj detruiĝoj. — El *„Natur"*, trad. *Fritz Mayerhaŭser*, Del. Bad Reichenhall.

.·. **Novaj proponoj pri proporcinombra elekto al deputatĉambro.** — Pasintan monaton (Aprilo 1914) la dana registaro prezentis al la dana parlamento proponon pri nova elekto-leĝo por elekto al la parlamento. Tiu ĉi propono similas la proponon, kiu estas pritraktata en *„Esperanto"* de 5 aprilo, kaj kies aŭtoro estas poŝtestro Kornerup (Holbæk, Danujo). Oni nome proponas elekti 120 deputatojn en unudeputataj distriktoj kaj 20 kompletigantajn kandidatojn, kiuj estas interpartigataj inter la partioj laŭ la de S-ro Kornerup rekomendita „metodo de la plej granda ono", kaj kiuj poste interne de ĉiu partio estas interpartigataj inter la departementoj laŭ proporcio de la superrestanta nombro da voĉoj, kiujn la partio donis en ĉiu departemento laŭ interpartiga maniero, proponita de ministro por la enlandaj aferoj Ove Rode. Fine interne de ĉiu departemento 20 mandatoj estas donataj al la kandidatoj, kiuj ricevis procente la plimulton de la voĉoj, kiel proponite de poŝtestro Kornerup.

Estas ŝanco por tio, ke la propono estos akceptata en la dana parlamento, kaj Danujo tiam estos la unua lando, kiu akceptis la novan sistemon pór elekto al deputatĉambro. — *Frédéric Baruël.*

.·. **Superflugado de atlantika oceano en aeroplano.** — *The Daily Mail* estas jus kreinta premion da 250,000 frankoj por rekompenci la aviadiston, kiu la unua superflugos atlantikon, laŭ iu ajn aervojo. Enskribiĝis por tiu konkurso S-ro Wanamaker, usonano. Tiuokaze kompetentuloj determinis la praktikajn kondiĉojn kunigotajn por la sukceso de tiu kuraĝa provo. Jen kelkaj rezultatoj de iliaj kalkuloj. Necese estos havi minimume aparaton pezan je 9000 kg, kun utila surfaco da 415 kvadrataj metroj. Ĉiu kvadrata metro povos do surporti proksimume 21,7 kg., kun parto de senutilaj 15 kvadr. metroj. La antaŭenpeliloj devos esti potencaj je 310 ĉevaloj, kun utila energio de 80 %. Rotacia motoro ne povos esti utiligata pro tiu kaŭzo ke, kvankam pli malpeza, ĝi konservas siajn profitojn rezultantajn de la malpezeco nur dum 9 horoj; fiksa motoro estas preferinda. Konsekvence oni povas tiamaniere taksi la detalojn de la kunportota materialo: 4 motoroj de 200 ĉevaloj: 1680 kg.; aparato mem: 2420 kg.; provizaĵoj: 4200 kg.; 10 homoj: 700 kg., do entute 9000 kg. S-ro Dumas, la franca teknikulo, kiu tute detale studadis la demandon opinias, ke, por tiu longa vojo, necese estas havi 10 personojn: 3 pilotoj, 3 mekanikistoj, 3 oficiroj kaj 1 komandanto. La aparato devos esti plejparte metala kun rigidaj flugiloj. Rilate al la vojo sekvota rezultas, ke du manieroj estas elekteblaj: norda kaj suda. La unua trapasas Irlandon kaj Novlandon; la dua, ŝajne pli praktika, superflugas Azorajn Insulojn kaj Novlandon kun tiu proksimuma daŭro: Paris—Angra'n (34 horoj); Angra—Novlandon (31 horoj); Novlandon—Nov-Yorkon (22 horoj) entute do 97 horoj, enkalkulataj 10 horoj por la reprovizaj haltoj. *M. G.*

.·. **La Brita Blindula Instituto.** — La Brita Nacia Instituto por Blinduloj, kiu malfermis sian novan sidejon en Great Portland Street, Londono, la 19 marto 1914 celas presigi librojn por la uzado de blinduloj, laŭ la sistemo „Braille", kaj aranĝi, ke kiel eble plej multe, blinduloj mem prizorgu la produktadon de la libroj. Oni petas monhelpon ĉe la publiko, por ebligi malaltigon de la prezo, kiun oni devas postuli de blinduloj por la „Braille" libroj. Samtempe, per plibonigitaj metodoj oni esperas fabriki ilin pli malkare. Nuntempe, la meza prezo por ordinara libro estas 10 Sm., kaj la celo estas duonigi ĝin. Ankaŭ, oni deziras, ke la Nacia Instituto estu centro por ĉiuj entreprenoj, kiuj prizorgas la vivkondiĉojn de blinduloj. La societo estis fondita en 1868, kaj nur pro tio, ke malavarulo nekonata donacis 100,000 Sm., oni povis konstruigi la novan sidejon, kiu estas sesetaĝa, kaj enhavas grandan halon, (en kiu blindaj muzikistoj donos publikajn koncertojn), kaj fabrikejon kaj tenejon, kiu entenos 75,000 grandajn volumojn. La Gereĝoj de Britujo ĉeestis la malferman ceremonion, kaj esprimis sian simpation kun la laboroj de la Instituto, kaj esperon, ke ĝi ricevos la necesan subtenadon ĉe la publiko. La prezidanto de la Institutkonsilantaro, D-ro Ranger, kiu mem estas blinda, rakontis la historion kaj citis la celojn de la Instituto kaj diris, ke la postuloj por libroj estas senĉesaj. Oni petas librojn pri religio, scienco, historio, romanoj, turismo, geografio kaj muziko, kaj ĉiu volumo estas vendita malpli kare ol la kosto. Tial, estas necese havi grandan sumon de mono por ebligi al ili la plenumadon de ilia presada laboro.

La urbestro de Londono, Sir J. Vansittart Bowater, malfermis publikan konton por la Instituto kaj petas mondonacojn. — *J. A. Fitton.* Huddersfield.

.·. **Internacia Oficejo por trovitaĵoj.** — En Berno fondiĝis antaŭ nelonge grava internacia oficejo por faciligi la retrovadon de perditaj objektoj. Jen kelkaj ekstraktoj el ĝia statuto:

1. Por rapida kaj certa retrovo kaj redono de perditaj kaj forgesitaj objektoj ĉiuspecaj la Internacia Oficejo por trovitaĵoj en Bern (I. F. B.) uzadas leĝe protektatajn trovmarkojn kaj afiŝetojn, kiuj portas la surskribon „Internationales Fundbureau, Bern" kaj kontrolnumeron.

2. Por la unua trovmarko oni pagas abonmonon da 40 sd. kaj estas enskribata sur la adresliston de la societo. La abono valoras dum 1 jaro kaj devas esti renovigita ĉiujare, alimaniere oni perdas siajn rajtojn.

3. Ĉiuj pluaj trovmarkoj kaj afiŝetoj por surgluado estas vendataj je memkosto kaj estas uzeblaj por ĉiuj ajn objektoj. . . .

4. Kiam trovita objekto kun trovmarko estas anoncita ĉe la Oficejo, tiu tuj informos la abonanton. . . .

5. La Oficejo ankaŭ akceptas specialajn komisiojn por redono de perditaj aŭ forgesitaj objektoj. . . .

6. Adresŝanĝojn oni tuj sciigu al la Oficejo. . . .

La adresoj de abonantoj neniam estas konigitaj al neinteresitaj personoj.

La Oficejo korespondas Esperante. — *J. S.*

---

 ESPERANTISMO 

# Bileto de blankbarbulo

## *La fortikaĵeto sur la roko*



*Alian fojon rakontis la Blankbarbulo:*

*„Je la bordo de la maro ludis infanoj. Grandan fortikaĵon ili konstruis sur la sablo kaj per la sablo. Vera urbo estis ilia fortikaĵo: turoj kaj turegoj, muroj kaj muregoj, dentaĵaj remparoj, deklivaĵoj kaj fosaĵoj.*

*„Pri sia verko finita ili fieriĝis kaj ĝoja, triumfanta estis, ĉirkaŭ ĝi, ilia aplaŭdo.*

*„Ne malproksime de ili knabeto sola, kun mieno pensema, laboris ankaŭ kaj ankaŭ konstruis. Sed ne sur la sablo, nek per la sablo. Roketon li estis elektinta, sur kies suprajo troviĝis kelkaj kavetoj elfositaj de l' sala akvo. En la truoj pacience, dank'al ŝtonetoj perforte premitaj, li firme fiksis kelkajn mallongajn, sufiĉe dikajn bastonetojn, kiujn li kunligis unu kun la alia per maraj algoj; vere, denteta palisaro pli ol remparo, sed remparo tamen, — reduto pli ol fortikaĵeto, sed fortikaĵeto tamen!*

*„Siajn kamaradojn li vokis al si. Alkuris ili, sed ridis kaj mokis pri lia modesta verketo.*

*„Sed post kelkaj horoj venis la maro. Senkompate ĝi renversis la fortikan urbon, kaj de tiu ĉi baldaŭ ne restis eĉ unu sablero sur sablero. Firma tamen staris kontraŭ la ondoj kaj ondegoj la fortikaĵeto sur la roko."*

* * *

*Karaj Esperantistaj fratoj, ni ankaŭ zorgu pri tio, ke fortikaĵetojn ni havu niajn sur roko, modestajn eble, sed firmajn kontraŭ ĉiu malamika ondo.*

*Senmorgaŭa estas la aplaŭdo, kiu fiere kaj triumfe salutas la fortikaĵon sablan, sur la mara sablo.*

Th. Cart.

## KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10ª kaj 25ª de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

### Aŭstrio-Hungario.

*Daubitz:* Nova grupo fondiĝis post kurso de S-ro Pazelt; estro estas S-ro F. Grohmann. — *Niedergrund:* Per nova kurso de S-ro Pazelt, la grupo estis plifortigita per kelkaj fervoraj membroj. — *Olmütz:* Fondiĝos grupo. — *Pilsen:* Kurso gvidita de S-ro Nowohradski en germ. komerca akademio finiĝis kun tia sukceso, ke la direktoro S-ro Kröger intencas enkonduki Esperanton en la lernejplanon de 1914—1915. — *Pozega:* Pastro Milko Dobrovoljac gvidas la unuan kurson kun 30 kursanoj. — *Trieste:* Fermiĝis plensukcese la tri lernokursoj, kiujn gvidadis en urbaj lernejoj S-roj Prof. D-ro A. Ghez, F. Chierego kaj D. Randi. Kelkaj gelernantoj faris ekzamenojn. Du novaj lernokursoj estas nun gvidataj: unu perfektiga de S-ro Prof. D-ro A. Ghez, alia por komencantoj de S-ro D. Randi. — *Wien:* La oficiala sezono jam finiĝis, sed kursoj daŭras kaj eĉ novaj komenciĝis. La movado pli kaj pli kreskas. Ofte okazas komunaj dimanĉaj ekskursoj en la belegajn ĉirkaŭaĵojn. Dum lasta kunveno de U. E. U. W. S-ro red. Schröder parolis pri tradukarto.

### Bulgarujo.

*Haskovo:* La 11—24 majo la societo „Radio" havis sukcesan jaran feston.

### Britujo.

*Bexill-on-Sea:* Tre sukcesa festo okazis la 22 aprilo; venis vizitantoj el Hastings kaj Eastbourne. Oni ludis du komedietojn, kantis kaj deklamis. Kol. Robinson paroladis pri Esp. kaj Ruĝa Kruco kaj S-ro Adams pri la Blinduloj. — *Doncaster:* Oni aranĝas por la somero ekskursojn, piede kaj biciklе. — *Edinburgh:* La klubo rapide kreskas. Oni elektis novajn oficistojn por la venonta jaro. Inter ili estas S-ro Page Prezidanto. D-ro Scougal, ĉefinspektoro de lernejoj en Skotlando, paroladis pri Esp. kiel edukilo. Okazis speciala kunveno de la Policana Kurso; 14 membroj ricevis lernateston de BEA. La ĉefpolicano de Edinburgh permesis, ke oni alpinglu sur la vestojn de la sukcesintaj policanoj specialajn verdajn stelojn. — *Hebden Bridge:* S-ro Holmes paroladis antaŭ la loka scienca societo pri „Internaciismo ilustrita"; li elvokis grandan intereson per la kolekto de lumbildoj, gazetoj ktp. — *Liverpool:* La dua Esp. konkursfesto okazis, kaj ĉeestis samideanoj el ĉiuj partoj de Britujo. Oni aljuĝis premiojn por poemoj, originalaj verkoj, traktato pri Internacieco, tradukoj, desegnoj, stenografio, kanto, parolado ktp. — *London:* La 2 majo, okazis en Hyde Park granda malferma subĉiela kunveno propaganda. Oni intencas daŭrigi tiun malkaran kaj bonefikan propagandmetodon. Ĵus stariĝis en magazeno de tajlora firmo, Esperantia Enterpreno, speciala kurso por la laboristoj de tiu firmo. Instruas S-ro Gracej, Del. por Harrow. En Anerly, kie dum la vintro okazis tre sukcesa kurso, oni decidis por la somero kunveni speciale por konversacia praktikado. En la Londona Klubo okazis societa vespero. Prezidis Kolonelo Pollen kaj S-ro Mudie faris propagandan paroladon. Post tre ŝatita koncerto, okazis danceto kaj vespermanĝo. La Wood Green'a Societo decidis ŝanĝi sian kunvenovesperon kaj nun kunvenas ĉiujaŭde en granda ĉambro en la Wood Green Publika Biblioteko. La Naŭa konferenco de la Londona Federacio okazis en Toynbee Hall, en Orienta Londono, organizita de la loka grupo, kaj estis plensukcesa, kaj propagande kaj finance. Oni elektis kiel Vicprezidanton, S-inon Blaise. Dum la afera parto de la konferenco, oni diskutis la historion de la movado en la Orienta Londono kaj pri estonta progreso. Kelkaj samideanoj faris paroladojn pri diversaj temoj, kiujn oni poste diskutis. Poste okazis tre interesa kaj amuziga koncerto. Dum la koncerto la Estro de Toynbee Hall, S-ro Heath, faris paroladon pri la historio de la Halo, kiu estas fama tra tuta Londono; ankaŭ parolis S-ro Epstein pri la praktika valoro de Esperanto kaj speciale aludis al UEA. La tre sukcesa konferenco fermiĝis per dancado. En Woolwich, S-ro Dennis faris paroladon antaŭ la membroj de la Royal Arsenal Kooperativa Societo. — *Merthyr Tydfil:* S-ro Mudie paroladis en la Abermolais Lernejo.

### Francujo.

*Condé-Nord:* La tiea grupo kaj tiu de St-Amand ekskursis la 17 majo al Caillou-qui-Bique (Belg.). Ĉeestis 27 personoj. Oni disdonis propagandilojn. — *Levallois-Perret:* La Kongreso de la Federacio de la Pariza Regiono multe sukcesis dank' al la klopodoj de S-ro C. Rousseau kaj de sia komitato. La tagmanĝon prezidis S-ro Lesage, urbestro; ĉe la tosta momento, S-ro deputito Willm tre elokvente parolis pri la neceseco de Esperanto. En la granda salono de la urbdomo belega ekspozicio estis aranĝita de S-ro Rousseau kaj de la grupo. — *Paris:* La grava gazeto „Le Matin" anoncas, ke de nun, lunde kaj marde, kursoj estos gvidataj en la Centra Poŝtejo. La lernantoj premiitaj en tiuj kursoj estos lokitaj dum la daŭro de la Esp. festoj, je la dispono de la Esperantista publiko. Ili videble surhavos la verdan stelon.

### Germanujo.

*Essen:* Nova porpariza kurso komenciĝis; 22 partoprenantoj. — *Hagen:* Okazis sukcesa ekskurso al Garenfeld; 35 grupanoj partoprenis. — *Leipzig:* La intereso kreskis pro la proksimiĝo de la kongreso, ĉar diversaj ligoj petis mem propagandparoladojn. En

jenaj societoj estis faritaj paroladoj: Leipziga aŭtomobila klubo, ligo de la abstinencaj virinoj, teknika unuiĝo Terro-Sadonia, int. artista unuiĝo, teknikaj urb-oficistoj, paco-societo, virinkultura societo. La pavilono Esperanto en la ekspozicio estas tre bona kaj efika propagandilo; ĝi estas multe vizitita kaj vekas la intereson pli kaj pli. Organiziĝis loka ligo el 6 grupoj, kiuj celadas nun i. a. ankaŭ krei Esp. hejmon. — *Osnabrück:* La ĝisnuna Esp. filantropia societo „Leo Tolstoj" decidis ŝanĝi sian nomon kaj de nun nomi sin Esp. Unuiĝo Osnabrück. Prezidanto estas S-ro E. A. Siekmann.

**Hispanujo.**

*Barcelona:* La Barcelona Esp. Societo solenigis sian inaŭguron per sukcesa festaro (konkurso, paroladoj, koncertoj, ekskurso al Terrassa kaj Rubi).

**Italujo.**

*Piacenza:* La kurso finiĝis. Esp. Grupo estis starigita sub la honora prezidado de la urbestro. La 10 majo S-ro Carolfi paroladis en Borgo S. Donnino, kie kurso malfermiĝis kaj la 11 en Cremona, kie okazos kurso. La kurson en Busseto vizitas 50 lernantoj.

**Nederlando.**

*Rotterdam:* La 28 aprilo kaj la 8 majo, la tramista grupo „La Verda Stelo" festis sian kvarjaran ekziston en la salono „Tivoli". Ambaŭ festojn ĉeestis proksimume 500 personoj. Plena sukceso.

**Portugalujo.**

*Lisbono:* Ekzistas nun nova Esp. asocio laŭnome Lisbona Esp. Societo, kun jam 55 geanoj. Ĝi celas iniciati grandan agadon por la propagando de Esp. en Lisbono kaj laŭeble en aliaj lokoj. Tie funkcias nun elementa kurso, kaj baldaŭ ĝi ankaŭ organizos kurson per korespondado. — *Porto:* La Portugalaj Esperantistoj fondis gravan nacian societon, kiu havas pli ol 1300 helpajn membrojn kaj 60 adeptojn. Oni estas presanta 30,000 deksespaĝajn broŝurojn pri Esp. kaj UEA por disdoni. La grupo havis ĝeneralan kunsidon kaj elektis estraron.

**Rusujo.**

*Astraĥan:* Dum la jara kunveno de la societo, S-ro N. Vrazowskij, Del., raportis pri la agado de la Esperantistaro, UEA, ĉekbanko; S-ro Sariĉev pri la vortaro de S-ro Stojan. Oni multe diskutis. — *Dorpat:* Oni fine ricevis la permeson malfermi societon. Ĉirkaŭ 200 personoj kunvenis en salono de „Dorpata societo de junuloj". Kunvenon malfermis S-ro Muszynski. Ĉar Dorpat estas sufiĉe internacia urbo la paroladoj devis esti kelklingvaj. Post la kunveno 26 ĉeestantoj enskribiĝis en la societo; plimulto estas ankaŭ membroj de UEA. Prez.: J. Muszynski; Viceprez.: N. Eger; Sekr.: P. Lojt; Kas.: P. Kikas; Bibliot.: S-ino Muszynska. — *Lodz:* La Lodza Esp. Societo (E. E.) aranĝis literatur-humoran vesperon. S-ro Zimmermann tralegis referaton pri Esp. en karikaturo, S-ro Ŝapiro tralegis originalan „Babiladon", S-ro Zys legis tradukon de Ĉeĥov, kaj S-ro Miller deklamis originalan versaĵon. — *Ĥarkov:* Okazis vesperfesto bone vizitita. — *Moskvo:* Okazis sukcesa oratora konkurso ĉe la ejo de Moskva Esp. Societo.

**Serbujo.**

*Ćuprija:* La 28 aprilo okazis propaganda parolado de S-ro L. Berger; kurso estas malfermita; 14 personoj.

**Afriko.**

*Sidi Abdallah* (Tunizio): La maristoj de Verda Stelo organizis plensukcesan Esp. festeton la 10 majo.

**Nord-Ameriko.**

*Boston* (Mass.): Ĉarma festo kun festeno kaj koncerto okazis je la honoro de S-ro Taddeo Wronski, rusa samideano, kiu dum la vintro kantis en la Bostona Grandopero. — *Chicago* (Ill.): D-ro B. K. Ŝimonek, Del., gvidas duan kurson kun 20 lernantoj. — *Lakeport* (Calif.): Okazas nun kurso kun 54 lernantoj. — *St. Louis* (Mo.): S-ro pastro Mariano Mojado, Del., gvidas ses kursojn, el kiuj kvin ĉe la kolegio de la Kristanaj Fratoj kaj unu en la publika biblioteko.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## IV. Kongreso de finnaj Esperantistoj

Tiu Kongreso okazis dum la Paskaj festoj en Tampere, ĉe la nova domo de la komerca instituto. La grandaj salonoj estis bele ornamitaj de la multlaborinta organiza komitato. En la vasta vestiblo estis starigita interesa ekspozicio. La unua kunveno de Esperanto-Asocio de Finnlando okazis sub la prezidado de S-ro Werner Anttila. S-ro V. Setälä, sekretario, raportis pri la sukcesoj de la lasta jaro kaj pri novaj propagandaj laboroj en la nova jaro. Poste sekvis diskutado pri la reorganizo de la financoj de la Asocio kaj rebaloto de la estraro. La dua laborkunsido diskutis pri la gazeto kaj elektis Turku (Abo) kiel venontan kongreslokon.

Samtempe kun la kunveno de finnaj Esperantistoj, okazis la distrikta kunveno de UEA. La distrikta Delegito, S-ro V. Setälä, malfermis la kunvenon; kiel sekretario funkciis S-ro Tyko Vesa. Ĉeestis la Delegitoj de Helsinki, Abo, Kymi, Lahti, Tampere kaj dek aliaj Esp.-ianoj. Ĉar tiu kunveno estis la unua, neniu raporto povis esti prezentata. Oni pritraktis speciale la demandon pri praktika propagando kaj starigo de kiel eble plej multaj Delegitoj en Finnlando.

Okaze de la Kongreso estis aranĝita sukcesa propaganda festo, kiun ĉeestis 150 personoj, kaj komuna manĝo. Post ĉiuj laborkunsidoj oni faris tre sukcesplenan ekskurson al Pyynikki kaj Varala.

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

## Parizo, 2-10 aŭgusto 1914

∴ **Tagordo de la Kongreso.** — Jen estas la tagordo de la Kongreso: Elekto de la Estraro. — Diversaj salutparoladoj. — Raporto pri la Lingva Komitato. — Raporto pri la Konstanta Komitato de la Kongresoj. — Raporto pri la Administra Komitato. — Raporto pri la Internacia Unuiĝo de la Esperantistaj Societoj. — Elekto de la Loka Komitato de la Dekunua Kongreso pri Esperanto kaj Edukado. — Diversaj proponoj pri propagando. — Sidejo de la estontaj Kongresoj.

**Programo.** — Jen la provizora programo de la Kongreso (ĝi ne enhavas la poste liverotajn informojn pri la vesperoj).

*Dimanĉo, 2 aŭgusto,* a. m. Elekto de la naciaj delegitoj; diservoj; — p. m. Solena malfermo de la Kongreso.

*Lundo, 3 aŭgusto,* a. m. L. K.; Akademio; — p. m. Solena malfermo de la Kongreso de UEA.

*Mardo, 4 aŭgusto,* a. m. Unua laborkunsido de UEA; — p. m. unua laborkunsido de la Kongreso.

*Merkredo, 5 aŭgusto.* Fakaj Kongresoj kaj kunvenoj.

*Ĵaŭdo, 6 aŭgusto.* Tutkongresa ekskurso al Versailles.

*Vendredo, 7 aŭgusto,* a. m. Dua laborkunsido de UEA; — p. m. Dua laborkunsido de la Kongreso.

*Sabato, 8 aŭgusto,* a. m. Tria laborkunsido de UEA; — p. m. Oratora Konkurso.

*Dimanĉo, 9 aŭgusto,* a. m. Diservoj; manovroj de Ruĝa Kruco; — p. m. Solena fermo de la Kongreso.

Matene la kunsidoj okazos de 10 h. ĝis 12 h. posttagmeze, de 14 h. ĝis 17 h.; ankaŭ de 17 h. ĝis 19 h. (diversaj malpli gravaj kunvenoj). La kunsidoj de la Rajtigitaj Delegitoj okazos ĉe la komenco de la laborkunsidoj de la Kongreso.

∴ **Kongresa Banko.** — Dum la tuta Kongreso, la tre grava „Société Générale" certigos la funkciadon de speciala bankoficejo kun Esperantaj oficistoj. Ĝi faros la ordinaran monŝanĝadon, monigos kreditleterojn kaj internaciajn ĉekojn (por tio valoros nur tiuj aĉetitaj ĉe la firmoj korespondantoj de la „Société Générale"; do la kongresanoj, kiuj intencas uzi tiun tre praktikan servon, demandu sian bankon, ĉu ĝi estas korespondanto de la „Société Générale").

∴ **Ŝakludantoj.** — Okazos dum la Deka Internacia Turniro de Ŝakludo. Vidu la regularon en la *Kongresa Gazeto.* Unua premio 100 fr.; pluaj premioj estos disdonataj laŭ la nombro de la ludintoj.

# DIVERSAĴOJ

.˙. **Esperanto kaj komerco.** — En la unua semajno de majo efektiviĝis en Lisbono la Ia Nacia Kongreso de la Komercaj kaj Industriaj Asocioj. Por la nomita kongreso nia Lisbona Vicdelegito, S-ro José Carvalhido, verkis en broŝura formo bonegan tezon pri Esperanto ĉe la eksterlandaj rilatoj de l'komerco. Tiu tezo sin okupas ekskluzive pri UEA, klarigas ĝian organizon, ĝian celon, ĝiajn utilojn, ktp.

La kongreso akceptis la konkludojn de la tezo en jena formo: „La Ia Nacia Kongreso de la Komercaj kaj Industriaj Asocioj deziresprimas, ke:

„1e La Komercaj kaj Industriaj Asocioj de Portugalujo aliĝu al UEA kiel Esperantiaj Entreprenoj;

„2e La samaj asocioj rekomendu al ĉiuj siaj anoj, ke en la akcepto de iliaj oficistoj ĉiam estu preferataj tiuj, kiuj scias, parolas kaj skribas Esperanton;

„3e La portugalaj firmoj, kiuj havas oficistojn Esperanto-sciantajn aliĝu al UEA;

„4e La asocioj aliĝintaj al UEA uzu, per la reprezentantoj de UEA en Portugalujo, la servojn, kiujn tiu internacia organizaĵo liveras al siaj membroj."

La maniero, laŭ kiu estas verkitaj tiuj konkludoj, estas imitinda por samcela agado en aliaj landoj.

Siaflanke S-ro Martins d'Almeida, Del. en Lisbono, prezentis raporton pri Esperanto kaj la komerca instruado, kun aludoj pri UEA.

La kongreso deziresprimis, ke Esperanto estu enkondukata kiel deviga instruaĵo en ĉiuj branĉoj de la komerca instruado.

Niajn gratulojn al ambaŭ niaj samideanoj. Ilia agado nasku imitantojn!

.˙. **Esperanto kaj turismo.** — En la novaperinta gvidlibro de *Leiden* (Nederlando) aperas Esperanta resumo.

Novaj gvidfolioj de *Chemnitz, Lausanne, Nancy, Rorschach* estas sub presado.

Kiel ni jam raportis ĉi-tie, la „Landesverband für Fremdenverkehr in Steiermark" (Iniciata Ligo por Stirio) en Graz eldonis ilustritan Esp. broŝuron pri Stirio kaj nun oficiale uzas Esperanton. En la oficiala raporto pri 1913 la nomita ligo ankaŭ favore atentigas je la granda utilo de Esperanto por la porfremdula propagando. Oni nomas kiel sukcesojn: la trian tutaŭstrian Esp. kongreson en Graz, kiun la ligo invitis, la fondon de porfremdula sekcio en la Stiria Esperantista Societo. Plue la jarraporto enhavas priparoladojn de la Esp. Gvidlibro tra Graz kaj gvidlibro tra Stirio; oni rimarkis, ke Esperanto estas bona faktoro por la Turismo. En estrarkunveno de la nomita ligo la sekretario raportis pri la favora recenzo de la gvidlibro tra Stirio en la Esp. gazetoj kaj montris grandan nombron da ili. Li raportis, ke nun venas multe da leteroj, preskaŭ ĉiutage, demandoj kaj mendoj de la gvidlibro. En la ampleksa oficiala vojaĝlibro tra Stirio, kiu aperos post kelkaj tagoj en germana lingvo, la Iniciata Ligo ankaŭ publikigas la nomojn kaj adresojn de la Delegitoj de UEA en Stirio. Jen novaj sukcesoj en praktika uzado de Esperanto kaj novaj konvinkoj.

La Societo Esperanto de *Bozen-Gries* (Aŭstrio) eldonis gvidfolion sub la aŭspicioj de UEA, 6 poŝtkartojn de Bozen-Gries (prezo po 5 sd.) kaj 10 belajn sigelmarkojn de la Dolomitoj (prezo de la serio 15 sd.). Ili estas riceveblaj de la Del., S-ro W. Wittek, St. Johann 515/I, Villa Engl, Bozen.

.˙. **Esperanto kaj paco.** — Laŭ decido de la antaŭa Kongreso, la XXIa Internacia Kongreso pri paco okazos en Wien la 15 ĝis 19 septembro 1914. La organiza komitato invitas al tiu kongreso ĉiujn societojn, instituciojn kaj privatajn personojn, kiuj deziras kunlabori aŭ subteni la laborantojn de la granda porpaca festo. La 20 septembro la kongresanoj veturos Budapest'on, kie ankaŭ okazos diversaj aranĝoj. Okaze de tiu kongreso, la gazeto *German-Aŭstria Esperantisto* petas, ke oni klopodu por ke multaj Esperantistoj partoprenu ĉi tiun kongreson. Nur tiel estos eble organizi apartan sekcion de Esperantistoj, en kiu oni povos diskuti per nia lingvo. Ju pli da eksterlandaj Esperantistoj kunvenos, des pli grava kaj akcelanta estos la afero por nia movado. Ĉiuj samideanoj bonvolu anonci sian intereson pri la kongreso al *German-Aŭstria Esperantisto*, Kaiserstr. 10, Wien. Se ilia nombro estos granda, certe oni sukcesos eldonigi la prospekton en Esperanto.

.˙. **Esperanto dum IIIa Pola Balneologia Kongreso.** — La 4 kaj 5 majo okazis en Krakow la IIIa Pola Balneologia Kongreso ligita kun Turista Kongreso. En ĝi partoprenis oficiale ankaŭ Krakova Societo Esperanto, kaj ĝia reprezentanto S-ro Medrkiewicz, posedanto de banloko Slawinek en Rusa Pollando faris paroladon pri banlokoj, turismo kaj Esperanto. Dank'al favoraj cirkonstancoj, ke prezidanto de la kongreso estis nia bone memorata prezidanto de la Oka Kongreso, Dr. Mikolajski, ke inter kuracistoj-kongresanoj estis kelkaj fervoraj Esperantistoj, post parolado okazis diskutado pri Esperanto, kaj propagando estis sukcesplena, despli ke S-ro Medrkiewicz aranĝis ankaŭ ekspozicion de ĉiuj gvidlibroj kaj gvidfolioj ĝis nun en Esperanto aperintaj.

Sed plej kontentiga efiko de la parolado kaj propagando estis interkonsento kun Dr. Lobaczewski, delegito de Landa ligo de banlokoj el Lwów, ke en ĝia organo „Zdrojownictwo i turystyka" („Banlokaferoj kaj turismo") depost nun estos regule presata fako en Esperanto pri polaj banlokoj kaj turismo, por eksterlanda publiko. Gazeto „Zdrojownictwo i turystyka" estas presata en miloj da ekzempleroj kaj estas dissendata al ĉiuj kuracistoj, legejoj, hoteloj, fervojoj, tramveturiloj k. c.; tial Esperanta fako en ĝi sendube estos perfekta propagandilo. De nun la gazeto ankaŭ estos sendata al ĉiuj redakcioj de Esperantaj ĵurnaloj por ke ili povu sciiĝi pri polaj banlokoj kaj turismo kaj ankaŭ povu plej interesajn informojn represi en siaj organoj.

# TRA LA GAZETARO

.˙. *Universala Unuiĝo.* Rilate al tiu revuo, nia Delegito en Moskvo, S-ro S. Szabunievicz, sendas al ni la jenan noton:

Ĵus aperis la dua kajero de „Universala Unuiĝo", organo por la interhoma unuiĝo en ĉiuj formoj de pensoj kaj agoj. Ankaŭ tiu ĉi kajero evidentigas celadojn plene konformajn al la supreciitita devizo: Vivoplisimpligo, laborkolonioj, vegetarismo, agrarreformoj, libera edukado, religio kaj filozofio — estas la temoj simple kaj sincere pritraktataj en la ĵurnalo. La homoj, kiuj serĉas novajn vivovojojn, trovos en ĝi informojn pri samcelaj penadoj kaj pri la jam atingitaj rezultatoj. La ĵurnalo estos por ili interligilo kaj helpos ilin trovi la ĝustan vojon. Oni devus supozi, ke Esperanto prezentas la solan lingvon uzeblan por tiu ĉi celo. Tiulingve estis efektive presita la unua numero de U. U., kun kelkaj paralelaj tekstoj en naciaj lingvoj. La dua kajero aperis en apartaj eldonoj angla kaj rusa kaj resumo en Esperanto, la lasta ankaŭ en aparta kajero kun ilustraĵoj. Ĉi tiun aranĝon decidis elprovi la eldonisto konforme al la proporcia kvanto da postuloj, kiujn li ricevis de la legintoj. La supremenciita Esperanta resumo de la dua kajero sufiĉas por veki la intereson de la leganto kaj provizi lin je la necesaj adresoj, sed ĝi estas tro konciza por informi lin kontentige. — Estus do treege dezirinde, ke ĝi aperu estonte ne resumita, sed en plena amplekso. Ĉu tio ĉi efektiviĝos, aŭ la redaktoro, spite siajn bondezirojn, estos devigata eĉ tute ĉesigi la Esperantan eldonon, tion decidos la kvanto da legantoj. Estu aldonite, ke laŭ lingva vidpunkto, la kajero estas neriproĉebla. (Adreso: Lubjanski projezd 3, Moskvo.)

.˙. *Matematika Bulteno.* — Nova gazeto enhavanta originalajn artikolojn pri matematiko. Direktoro: Th. Rousseau, 37, rue Jean-Baptiste Baudin, Dijon Franc.). Abono: 2.50 fr. Por membroj de UEA kaj UIA nur 1.25 fr.

.˙. *Bulteno de Centra Informejo por Tutruslanda Esp. Studentaro,* eldonita de Esp. Grupo ĉe Peterburga Teknologia Instituto.

.·. *Natur und Kultur*, grava germana revuo, aperigis interesan enketon pri la 24-hora tempdivido. La diverslandaj respondoj estis ricevitaj de nia München'a Del., S-ro Tressel, per alvoko en nia gazeto.

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Bäder- und Reise-Rundschau der Königsberger Hartungschen Zeitung* (3 majo); *L'Echo de Cannes* (30 aprilo); *Santé de la Famille* (aprilo); *Felsösárosi Hirlap* (10 aprilo); *Correio do Porto*, Porto Alegre (21 marto); *Auerbacher Zeitung* (17-24 majo), *Gainersville Daily Sun* (5 majo), *Obroda* (majo), *Sonntagsblatt der Abend-Post*, Detroit (3 majo).

.·. La ĉiutaga bulgara gazeto „*Utro*" publikigis tradukon de „La Indiana animo de Meksikujo" aperinta en *Esperanto*.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Komitato de UEA.** — Per sia lasta rondiranta kajero, la Komitato alprenis la jenajn decidojn:

1e Ĝi enregistris la aliĝojn de novaj naciaj societoj al la interkonsento kun UEA.

2e Ĝi aprobis ĝeneralan planon de propagando ĉe la turismoficejoj.

3e Ĝi konsentis pri proponita pligrandigo de la Oficejo de UEA.

4e Ĝi malakceptis peton de S-ro Couturat pri lia elekto kiel Delegito en Fontainebleau.

**Kvina Kongreso de UEA.** — La tagoj kaj horoj de la kunvenoj okazontaj dum la Kvina Kongreso de UEA en Paris estas fiksitaj jene:

*Lundo 3 aŭgusto je 3 h.* — Solena malfermo de la Kongreso.
*Mardo 4 aŭgusto je 10 h.* — Unua labora kunveno.
*Vendredo 7 aŭgusto je 10 h.* — Dua labora kunveno.
*Sabato 8 aŭgusto je 10 h.* — Tria labora kunveno.

La detala tagordo aperos en proksima No.

Ni rememorigas, ke konforme al la Kongresa Regularo, ĉiu membro de UEA rajtas prezenti proponon al la Kongreso. Ĉiu propono devas esti pritraktata en raporto (maksimume 2000 vortoj). Tiu raporto klarigos la staton de la demando, formulos la proponon kun la necesaj praktikaj detaloj kaj finiĝos per deziresprimo, pri kiu voĉdonos la Kongreso.

Krom tio, kiel kutime, ĉiu membro rajtos fari demandojn rilatajn al la agado de UEA, kondiĉe, ke li skribe informu pri tio la Prezidanton de la Kongreso unu tagon antaŭe.

**Interkonsento kun la naciaj Esperantistaj societoj.** — La *Hispana Societo por propagando de Esperanto* subskribis la interkonsenton kun UEA kaj elektis kiel reprezentanton S-ron Trinidad Soriano, prezidanto.

**Citoj.** — Pro nerespondo al informpeto, malgraŭ alsendo de averto, estas citataj S-roj:

Andonoviĉ, Del., *Belgrad* (1a cito).
W. E. Smith, Del., *Los Angeles* (1a cito).
Bialocerkievski, Del., *Konstantinov* (1a cito).

**Novaj Delegitoj.**

*Ala* (Aŭstrio, Trentino). — D.: Mario Mondini, poŝtoficisto.
*Aschaffenburg* (Germanujo, Bayern). — D.: Carl Pfeiffer, Brentanostrasse 3, II.
*Athis Mons* (Francujo, S. et O.). — D.: Emile Souchay, 29, rue d'Ablon.
*Beroun* (Aŭstrio, Bohemujo). — VD.: Francisko Kraus, policano.
*Döhlen* (Germanujo, Sachsen). — D.: Richard Funk, instruisto.
*Galszecs* (Hungario, Zemplen). — D.: S-ino Olga Natolyane Jaczko.
*Graville St-Honorine* (Francujo, Seine Inf.), — D.: Henri Dubuisson, 12, rue Ernest Lefèvre.
*Jilemnice* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Josef Kavan, papervendisto.
*Kilmarnock* (Britujo, Skotlando). — D.: P. Young, 42, Fullarton Str.
*Orchane* (Bulgarujo). — D.: Dimitro Guenoff, oficiro 16. Regt. d'inf.
*Porto Alegre* (Brazilujo). — D.: Fr. E. Thierack, 17, Av. 13 de Maio.
*Pozega* (Hungario, Kroatujo). — D.: Milko Dobrovoljac, pastro.
*Sortavala* (Finnlando). — D.: O. Savolainen, poŝtoficisto.
*St-Maurice-en-Gourgois* (Francujo, Loire). — D.: Gabriel Bayet, instruisto.
*Waltersdorf* (Germanujo, Sachsen). — D.: Franz Scholze, No 191.

**Ŝanĝoj.**

*Avignon* (Francujo, Vaucluse). — D.: F. de Casteljau, 4, rue des Etudes. VD.: Charles Dailhe, place de l'horloge.
*Bilbao* (Hispanujo, Vizcaja). — D.: R. Sauren, Villa Zabalaurre-Iralabarri.
*Bruxelles* (Belgujo). — D.: Ed. Haine, Route de Lennick 19.
*Luhaĉovice* (Aŭstrio, Moravio). — D.: J. Mareŝ, Na Petruvce.
*Stettin* (Germanujo). — D.: Max Westphal, Deutsche Strasse 56. VD.: Frida Drews, Oberwick 55p.

**Rimarko.**

*Verona* (Italujo). La Del. estas vizitebla de la 9—12 h. kaj 3-6 h. ĉe la direkcio de la tramvojo Verona—Vicenza.

**Eksiĝoj.**

*Henryetta* (D.: Dooley); *Leavenworth* (D.: Bush); *Münster* (D.: Marcuard); *Salt Lake City* (D.: Jörgensen); *Serampore* (D.: Samuel); *St-Jean Soleymieux* (D.: Bayet).

# ESPERANTIAJ KONGRESAJ KARAVANOJ

**Karavano Berlin-Paris kaj reen per speciala vagonaro.** — Pro neantaŭviditaj malhelpaĵoj, la programo de tiu karavano ricevis kelkajn ŝanĝojn, kiujn ni ĉi-sube notas:

La karavano konsistos el *tri partoj* elirontaj el *Berlin, Köln* kaj *Mainz*.

La *ĉefa parto* eliros el *Berlin* kaj veturos tra Magdeburg, Braunschweig, Hildesheim, Hameln, Altenbeken, Soest, Hagen i. W., Elberfeld ĝis Köln. De tie ĝi, kune kun la du aliaj partoj, daŭrigos la vojaĝon tra Aachen, Lüttich, Charleroy, St-Quentin ĝis Paris. La reiro okazos sur la sama vojo ĝis Berlin.

La *dua parto* komencos la vojaĝon en *Köln*. Ĝin aliĝas plej oportune partoprenontoj el nordaj landoj kaj el nordokcidentaj kaj okcidentaj regionoj de Germanujo. Pri la veturo al Köln la aliĝintoj mem devas zorgi; ili devas esti tie la 1 aŭgusto vespere je 10 h. La reveturo finiĝos por ili ankaŭ en Köln.

La partoprenontoj de la *tria parto* kolektiĝos en *Mainz* la 1 aŭgusto je 8 h. matene. Ili estos en tre agrabla situacio, ĉar de Mainz ĝis Köln ili faros dumtagan Rhein-veturadon sur speciala ŝipo. Ĉi tiu vojo estas rekomendinda por partoprenontoj el sudaj kaj sudokcidentaj regionoj de Germanujo kaj el Aŭstrio. La karavana reveturo ankaŭ por ili finiĝos en Köln.

Oni povas aliĝi eĉ en la interstacioj supre nomitaj ĉe la ĉefa parto, sed nur por la prezoj valorantaj por Berlin (inter Berlin kaj Köln) respektive Köln (post Köln).

Jen la prezoj por unu persono, inkluzive ĉiujn kostojn:

| *Elirpunkto* | *2a klaso* | *3a klaso* |
|---|---|---|
| Berlin | 180 M. | 140 M. |
| Köln | 155 M. | 125 M. |
| Mainz | 165 M. | 135 M. |

Ĉi tiuj prezoj rilatas ne nur al la fervoja veturo, sed ankaŭ al loĝado kaj nutrado en Paris. Por ne tro postulemaj personoj la tria klaso tute sufiĉas. — Sur la Rhein-ŝipo estos nur unu klaso. En la supra prezo estas entenataj la kostoj por la veturo, tag- kaj vespermanĝo kun trinkaĵoj kaj trinkmonoj sur la ŝipo de Mainz ĝis Köln.

Pri ĉiuj aliaj punktoj valoras la informoj aperintaj en *Esperanto* de 5 majo. Informojn kaj aliĝojn oni sendu al S-ro *Friedrich Ellersiek*, redaktoro de G. E., Wissmannstr. 46, *Berlin S. 59*. Monon oni sendu al: *Bank für Handel und Industrie* (für Konto Germana Esperantisto, Belle-Alliance-Platz 6, *Berlin* SW. 61). (Ĉekoj kaj transpagiloj de Ĉekbanko Esp. *ne* akceptataj).

**Ŝipvojaĝo Hamburg-Paris.** — La „Cincinati", unu el la plej grandaj ŝipoj, ekveturos el *Hamburg* la 29 julio kaj alvenos en *Boulogne s. M.* la 30 julio. La prezo (jam rabatita) estas 45 M. por Ia kl., 36 M. por la IIa kl.

La „Imperator", la plej granda ŝipo post la plej nova „Vaterland", elveturos el *Hamburg* la 31 julio kaj alvenos la 1 aŭgusto en *Cherbourg*. La prezo estas 72 M. por Ia kl., kaj 45 M. por IIa kl. Tiuj prezoj jam estas rabatitaj.

La prezo por la veturo de Boulogne kaj Cherbourg al Paris ne estas entenata.

Ĉiujn mendojn oni kiel eble plej baldaŭ sendu, kune kun la necesa monsumo, al S-ro S. Levinson, Del. UEA, Lehmweg 48/I, Hamburg. La mendontoj siatempe estos informataj pri la preciza horo por la forveturo.

**Karavanoj London-Paris.** — Ni rememorigas, ke sub la aŭspicioj de UEA, la firmo Cook & Filo aranĝos karavanojn de Londono al Parizo. Ili forlasos Londonon la 1 aŭgusto, matene je 10 h., de Charing Cross tra Folkestone-Boulogne; posttagmeze, je 4 h. 30, de Charing Cross tra Dover-Calais; vespere je 8 h. 45 de London Bridge Stacio tra Newhaven-Dieppe.

Por plenaj detaloj pri ĉiuj karavanoj, peti la specialajn cirkulerojn eldonitajn de la firmo Cook & Filo.

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas!

.·. S-ro *N. Tupijanc*, Esp-iano en *Kizlar*, proponas, ke en Jarlibro apud la adreso de la Del., estu notita numero de lia Ĉekbanka konto, se li havas.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Gregorio Jenj*, Esp-iano en Kars, esprimas profundan dankon al S-ro S. Mkrtiĉjan, Del. en Batum, pro bona akcepto kaj gravaj servoj dum lia alveno.

.·. S-ro *G. J. Howe*, Del. en Hood River (Oregon), dankas al S-ro J. M. Clifford, Esp-iano en Braddock (Pennsylvania), pro bonaj informoj.

.·. S-ro *Schriewer*, Del. en Pekin, kore dankas al S-ro Soettens, Del. en Paris, pro tre grava servo.

.·. S-ro *J. Salasc*, Esp-iano, en Murviel-les-Béziers (Francujo), esprimas sian plej koran dankon al S-roj Rebouillon, Del., Giraud, Michel kaj Delettras en Marseille; S-ro Cresp, Del. en Cannes; S-roj D-ro Stromboli kaj de Negri en Genova, S-roj L. Scarselli, Del., kaj M. Ventura, Vicdel. en Firenze, pro akurate plenumitaj servoj kaj afabla akcepto.

.·. S-ino *Pia Menassi*, Esp-ianino en Siena varme dankas S-ron Harrison, Del. en Boston, pro grava servo.

.·. S-ino *Mario Czubrynska*, Esp-ianino en Krakow, dankas S-ron D-ron Sobolev, Del. Ĥarkov, por la de li akceptita sciigo.

.·. S-ro *Th. St. Sopotski*, Del. en Kumanovo, esprimas siajn korajn dankojn al S-ro H. A. Epstein, Ĉef-Del., Londono, pro gravaj servoj, fervora perado kaj multioja tradukado de komercaj leteroj anglen.

.·. S-ro *Renaud Richez*, Del. en *Fresnes-Nord*, tutkore dankas S-ron Migliorini, Del. en Venezia, pro grava komerca servo. Same al S-ro Neuilles, Del. en Abbeville, pro donita adreso de komerca firmo.

.·. S-ro *R. Strecke*, Del. en *Bochum*, esprimas sian plej koran dankon al S-ro Epstein, ĉefdel. en Londono, pro sendítaj tre gravaj informoj.

.·. S-ro *Muszynski*, Del. en *Dorpat*, esprimas profundan dankon al S-ro J. Karsch, Del. en Dresden, kaj al F-ino H. Josefson, Del. en Stockholm, pro la servoj, kiujn ili bonvolis fari.

.·. F-ino *A. Schenk*. Esp-ianino en *Lausanne*, kore dankas S-ron Rhodes, Del. en Keighley, pro afablaj informoj pri la religia revekiĝo en Kimrujo.

## Oni petas!

.·. S-ro *L. Berger*, Esp-iano en *Cuprija* (Serbujo), inĝeniero de ĥemio, petas senpagan alsendon de poŝtkartoj, prezaroj, gvidlibroj, gazetoj, ktp. por aranĝotaj propagandaj paroladoj en Serbujo.

.·. S-ro *W. G.*, rusa fervoja inĝeniero, estas komisiita de rusa fervoja ministerio, kunmeti tabelojn kiamaniere fervojlaboristoj (en fabrikejoj) de diversaj landoj estas pagataj, pohore aŭ popece kaj samtempe atentante la bezonatan tempon por farita laboro (amerika Taylor-sistemo). Estus grava rekomendo ĉe rusa registaro, se S-ro W. G. povus prezenti sian taskon solvitan dank'al UEA. Tial oni petas ĉiujn Esperantistojn, speciale fervojistojn, se ili povas helpi, skribi pri ĉi tiu temo al S-ro R. Maske, Villa Esperanto, Dresden-Mockritz (German.). Poŝt- kaj aliajn elspezojn oni tuj kompensas.

.·. S-ro *K. Sommer*, Wiesenstr. 7, *Chemnitz* (German.) sukcesis interesi al Esp. la ĉefon de ĉitiea tre konata firmo Albert Korsinger, paperkomercejo. Li anoncos en Esp. gazetoj kaj eldonos Esp. katalogon; li nur volas konvinki sin, ĉu fakte la intereso estas sufiĉe granda. Oni do bonvolu skribi por ke li mem vidu. Ĉio estas havebla, kion oni povas aĉeti en granda paperkomercejo. Adreso: Albert Korsinger, Wiesenstr. 7, Chemnitz.

.·. S-ro *R. Green*, Del. en *Shipley*, ricevis antaŭ nelonge poŝtkarton de Policpraktikanto en Hungarujo. Li ne sukcesis retrovi ĝin, kaj, bedaŭrante tiun malagrablajon, li petas, ke la dirita persono bonvolu denove skribi.

.·. S-ro *Ragusin*, Via S. Giovanni 16/IV, *Trieste*, petas adresojn de Esperantistaj maristoj kaj ŝipkelneroj.

.·. S-ro *D. Baselli*, k. sekretario, *Janjina* (Dalmatio, Aŭstrio) petas, ke oni sendu al li ĉiuspecajn Esperantaĵojn por ekspozicio.

.·. S-ro *G. Georges*, Del. en *Gebel Moya* (Sudano) ricevas grandan nombron de leteroj, kartoj, ktp., per kiuj oni petas lin sendi ilustritajn kartojn, poŝtmarkojn, ktp. Li informas, ke li respondos nur tiujn leterojn, kiuj estas akompanataj de respond-kupono aŭ -karto. Li plie informas, ke fine de junio li foriras el Sudano por Egiptujo kaj ĉeestos la Dekan. Oni do bonvolu dume pri Sudanaj aferoj sin turni al la Del. en Khartoum.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al S-ro A. Bannikov, Del. en Irkutsk naskiĝis filo.

**Fianĉiĝo.** — S-ro Ilia Mihailev, Esp-iano, agento, Haskovo Bulgarujo) kun F-ino Todočka P. Toneva.

**Edziĝo.** — S-ro S. Kunerth, Del., Meran, kun F-ino Elise Trojan.

**Mortoj.** — S-ro Mariano Soto, dudekjara minlaboristo, lerta kaj fidela Esperantisto, kiu estris la grupon de La Arboleda-Bilbao (Hispanujo) mortis la 6 majo pro pushava pleŭrezio.

S-ro Ruault, honora instruisto, patro de nia Del. en Coutances, subite mortis la 15 aprilo.

# Reciproka Informado

Ĉiu membro de UEA, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj, iu povos respondi. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

### Demandoj

40. Ĉu estas eltrovita senerare efikanta rimedo kontraŭ malbonodora nazkataro (ozena)? Nomu eminentulojn-specialistojn de nazaj malsanoj. — M. 7906.

### Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

27 (167). En Germanujo ekzistas tiel multaj fabrikoj pri ferajoj ktp. ke estas neeble nomi tie ĉi kelkajn. Skribu pli detale al Inĝ. Manfeld, Wilhelmstrasse 4, Merseburg (Saale), kiu donos volonte la serĉitajn adresojn.

30 (128). Angla adresaro estas: „The Shoeman's Guide", eldonas The Halford Publishing Co. Ltd., Leicester; fakgazeto: „Shoe Manufacturer's Monthly". — M. 98. — Germana adresaro: „Schuh- und Leder-Adressbuch des Deutschen Reiches", Fakaj ĵurnaloj: „Schuh und Leder", eldonejo en Berlin W. 9., Bellevuestr. 5. Alia ĵurnalo precipe por tenistoj: „Häute und Leder", eldonejo en Berlin W. 9, Potsdamerstrasse 4.

# Alvokoj

## Esperanto kaj Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj (K. U. J. V.)

Estas tre ĝojiga fakto, ke la Centra Komitato de la nomita grava ligo, kiu en 44 diversaj landoj kalkulas preskaŭ 9000 Unuiĝojn kun pli ol 1,200,000 membrojn entute, nun pli kaj pli konvinkiĝas pri la utileco kaj progresoj de Esperanto kaj jam promesis, diskonigi raportojn kaj klarigojn pri nia afero inter la K. U. J. V., por helpi al ĝia disvastigado en la tuta mondligo.

Kiam sufiĉe da Unuiĝoj, resp. ĝiaj sekretarioj aŭ delegitoj lernos Esperanton, oni certe akceptos la lingvon oficiale kiel interkompreniĝilon.

Estas do la plej grava kaj tre ĝojiga devo de ĉiu Kristana Esperantisto, helpi je aranĝo de vasta propagando de Esperanto en la K. U. J. V. Ĉiu, kiu povas interrilati kun la K. U. J. V. estas insiste petata,

1. tuj aranĝi paroladon pri Esperanto antaŭ la Unuiĝo,
2. doni klarigojn pri Esp.-gramatiko kaj vortfarado parole aŭ skribe,
3. aranĝi kursojn pri Esperanto por la anoj.

Ĉiuj necesaj informoj estas riceveblaj de S-ro Paul Hübner redakcio de „*Dia Regno*" (Esperanta organo por K. U. J. V.), en *Dellbrück* ap. *Köln* (Germanujo).

### Framasonoj

La Framasonoj ĉeestontaj la Dekan Kongreson de Esperanto estas petataj sendi siajn nomojn kaj adreson al la Loĝio Esperanto, 8, rue Puteaux, Paris, 17e por la Kunvenoj organizotaj.

La sekretario: *E. Souchay.*

### Al ĉiuj fervoraj Esperantistoj!

Ne estas facile konvinki la nacian gazetaron pri la granda valoro kaj utileco de nia komuna afero kaj gajni ĝin por ni. Malgraŭ tio mi atingis post longa kaj severa laboro gajni la eminentan organon de Orienta Prusujo la „Königsberger Hartungsche Zeitung" per persona rilato, per alsendo de memskribitaj temoj pri Esperanto tiel multe ke ĝi nun akceptas *ĉiujn korespondaĵojn en Esperanto*. Por kompletigi mian verkon ankoraŭ estas necesege, ke tiu ĉi gazeto ricevu multajn Esperantajn leterojn aŭ poŝtkartojn el alilando, precipe mi petas raportojn el la landoj, pri la moroj aŭ pri tagokazintaĵoj, ekzemple pri la vizito de la princo Heinrich en Argentino aŭ simile *ĉio en Esperanto* sendita al la: „*Ĉefredaktoro Listowski, Königsberga Hartunga Gazeto*". Per tio li vidos la praktikan valoron de nia afero por la gazetaro kaj forte kreskus la afero en nia urbo. Do, gesamideanoj, al la laboro!

*Joh. Schwaiger*, Del. Königsberg
Pariza kongreskarto No. 1558.

### Propagando

La 5 julio okazos en Hanau a. M. la ligotago de Sud-Okcidenta Ligo (S. O. L.) de Esperantistoj. Per tiu aranĝo ni volas efektivigi grandan propagandon kaj estus multe dankaj al niaj gesamideanoj, se ili bonvolus sendi gratulajn kartojn ktp. por ke la reprezentontoj de oficialaj institucioj ekvidu, ke Esperanto estas multe disvastigita kaj ke ĉiuj Esperantistoj havas intereson por propagandaj kunsidoj. Kompreneble ni resendos al ĉiuj skribontoj salutojn de nia festotago per ilustrita karto.

Esperante, ke multaj gesamideanoj nin subtenos en nia laboro, ni petas noti la jenan adreson: *Ligotago de S. O. L.*, „Centralhalle" Rosenstrasse, Hanau a. Main, Germanujo.

Esperantisten-Gruppe, Hanau a. M.
La prepara komitato: *Chr. Stoll. Robert Kreuz.*

### Premioj por sukcesaj Propagandistoj

Se ni ne gajnos la trafikon
Ni estos nenion gajnintaj.

Ĉi-tiu fakto, kiu estos ĉiam pli komprenebla al tiu, kiu lernis observi, iniciatigis nin, forsendi vek-krion por atentigi la esperantistaron al komuna laboro; nur per la komerco ni povas havigi al nia lingvo ĝeneralan venkon, kaj tial nia tuta forto, zorgo kaj influo devas esti turnata al tiu direkto.

De la komenco nia institucio sin dediĉis al la plimultigo de la uzata Esperanto en la rondoj de industrio kaj komerco; konate estas, ke ni jam de kelka tempo subtenas gravan servon por tiu celo; ni sendas poŝtpaketojn kun la plej diversaj presaĵoj el trafiko kaj turismo al ĉiu ajn, kiu skribe promesas zorgan kaj precipe laŭcelan distribuon, kaj kiu sendas la necesajn poŝtelspezojn, demandeblaj je ĉiu poŝtoficejo.

Tiuj paketoj kaŭzis ĉie multan plaĉon kaj estas mendataj en granda nombro; ankaŭ la firmoj volonte uzadas tiun efikan kaj malmultekostan reklammanieron, per kiu ni plej bone povas pruvi la uzeblecon de nia lingvo; sed urĝe necese estas, ke la distribuo prudente estu efektivigita.

Reklamo devas alporti profitojn; do laŭcela distribuo estas tiu, kiu liveras novajn rilatojn al la entreprenoj, komisiojn kaj gajnojn; nur per tio la firmoj estos instigataj uzadi ĉiam pli Esperanton kaj trovi plaĉon kaj konsenton al niaj celadoj.

Sed ni, ni havos de la kreskanta uzado la plej bonan helpon kaj atingos niajn plej influajn kaj potencajn amikojn.

Ĉi-tiuj vidpunktoj iniciatigis nin proponi premiojn por tiuj sukcesaj propagandistoj, kiuj atingas, ke industria aŭ komerca entrepreno eldonu ampleksajn presaĵojn en Esperanto, almenaŭ 8 paĝoj, formato kiel eble 16 × 22,6 cm (mondformato de la „Ponto"), en nombro de 10.000 ekzempleroj; ĉar la mondo havas 1600 milionojn da loĝantoj, nur unu el 160.000 homoj povos tiam ricevi unu ekzempleron.

La premioj estas la konata kaj tre bele ilustrita „Albumo de Albrecht Dürer", esperantigita de S-ro Schmid, Bern, valoro 2 Sm.

Volonte ni distribuos tiujn presaĵojn per niaj paketoj tra la tuta mondo, se ili afrankite estos senditaj al ni.

Ni esperas, ke tiamaniere ni atingos gravan superecon por nia kara lingvo kaj petas pri ĝenerala kunhelpo de niaj samideanoj.

*Württembergisches Esperanto-Institut*
*Esslingen a. Neckar*, Germanujo.

# Niaj propagandiloj

Ni havas la plezuron anonci al niaj Delegitoj kaj membroj, ke por plifaciligi ilian propagandadon, UEA decidis malaltigi la prezon de la nacilingvaj propagandaj folioj pri nia Asocio. Tiuj folioj, falditaj en broŝura formo de 8 paĝoj, enhavas informojn pri UEA kaj Esperanto. Ili estas tre taŭgaj por disdonado ĉe paroladoj, festoj, aŭ por individua propagando.

Prezo:

100 ekzempleroj (afranke) . . . . . . . . Fr. 0. 75 (Sm. 0. 30)
500 „ „ . . . . . . . . . . „ 3.— ( „ 1. 20)

La folioj ekzistas en *angla, franca,* aŭ *germana* lingvo. Oni mendu ilin de la Centra Oficejo de UEA, kunsendante la necesan monsumon.

# Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj ktp.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj [1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budejovice, Praha, Prostejov, Roznov.*
**Belgujo:** *Spa.*
**Bulgarujo:** *Sofia.*
**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*
**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*
**Finlando:** *Kotka.*
**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Dijon, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Poitiers, Roye, Tours, Vienne.*
**Germanujo:** *Bamberg, Breslau, Dresden, Elberfeld, Halle, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Stuttgart, Weinböhla.*
**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*
**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Odessa, Peterburgo, Saratov, Varsovio, Viŝni-Voloĉok.*
**Svedujo:** *Stockholm.*
**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Prezo:* 1 ĝis 10 ekz. . . . . | *10 ct.* | ( 4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| 11 „ 25 „ . . . . | *25* „ | (10 „ ) | |
| 26 „ 50 „ . . . . | *50* „ | (20 „ ) | |
| Plena kolekto . . . . (kun la Universitataj gvidfolioj) | *75* „ | (30 „ ) | |

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA*, kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 37—38 de la *Oficiala Jarlibro de UEA*.

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj ktp.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la jenaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj [1]:

| **Aŭstrio-Hungario** | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) . . . . . . | *10* | 4 |
| *Stirio.* (Represo el „Universo"; 12 paĝ. 15×22.5) . | *25* | 10 |
| *Tra Bosnio kaj Hercegovino* (34 paĝ. 12×18) . . | *25* | 10 |
| **Francujo** | | |
| *Château-Thierry* (16 paĝ. 16×12,5. I) . . . . . | *10* | 4 |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) . . . . . | *10* | 4 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) . . . . . | *10* | 4 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) . . . . . . | *10* | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) . . . . . . | *10* | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) . . . . . . . | *10* | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) . . . . . . | *10* | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) . . | *10* | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | *10* | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) . . . . . . . | *15* | 6 |
| *Weinböhla* (52 paĝ. 12,8×18,2. R) . . . . . . | *15* | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) . . . . | *10* | 4 |
| **Usono.** | | |
| *Los Angeles* (64 paĝ. 21×10) . . . . . . . . | *25* | 10 |

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AARHUS (Danujo). — S-ro C. A. Hvorslev, instruisto, Tröjhorgvej 32, PM. (sendos ankaŭ belajn PI. kontraŭ PM. uzitaj).

AUCKLAND (Nova Zelando). — S-ro Cvyetka Nola, G. P. O. (kun ĉiuj landoj).

AUCKLAND (Novo Zelando). — S-ro Petro Babiĉ, G. P. O., PI. (kun ĉiuj landoj, precipe kun Usono, Kanado, Ĥinujo, Japanujo, Svisujo).

AUERBACH I. V. (Germanujo, Saksujo). — Membroj de la Esperanto Societo deziras korespondi kun ĉiuj landoj. Adresu al: S-ro Hugo Gerisch, fabrikposedanto.

AMSTERDAM (Holando). — S-ro Chr. C. van Steenwyk, Westerkade 27, I.

ARQUES (Francujo, Pas-de-Calais). — S-ro Gaston Mare, rue de Flandre.

ASTRACHAN (Rusujo). — S-ro N. Nikolajev, 5 uĉ, 3 Bakaldinskaja, dom Nikolajeva.

[1] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.

ASTRACHAN (Rusujo). — S-ro N. Stepanov, O-vo Prikazĉikov.
BILBAO (Hispanujo). — S-ro José Iñarra, 11, Plaza Nueva.
BOCHUM (Germanujo, Vestfalio). — S-ro Hubert Stahlhacke, Kronenstr. 1, Pl. (kun ĉiuj landoj).
ĈUPRYA (Serbujo). — S-ro Leopold Berger, inĝeniero, L., Pl., esp. gazetoj, propagandiloj. 4
DEBRECZEN (Hungario). — S-ro Zeleznik Gyula, Vigkedvü M. u. 22, Pl. (kun ĉiuj landoj).
DRESDEN (Germanujo). — S-ro Hans Schäfer, Bautznerstr. 14 Pl., bfl., PM. (kun ĉiuj landoj).
HAMBURG (Germanujo). — S-ro O. Berendt, Fichtestr. 34 III., Pl., PM., L. (kun ĉiuj landoj).
JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro M. Lukaŝ, Ĉelakovského 85, Pl., bfl., PM. (kun alilandaj samideanoj pri botaniko).
KÉSMARK (Hungarujo), Dep. Szepes). — S-ro Ludoviko König, profesoro, Pl.
KIEV (Rusujo). — S-ro Jllaŝeviĉ, kapitano, Moskovskaja 26, L. (pri Esp. inter militistoj). 3
LEEK (Anglujo). — S-ro Ingham, 37, Queen Street, Pl., bfl., PM.
LYON (Francujo, Rhône). — S-ro Marcel Inard, 28, Cours Bayard, Pl., PK., PM., L., bfl. (kun ĉiuj landoj).
MOGILNO (Germanujo, Posen). — S-ro St. Jagielski, Lindenpl. 21, Pl., L. (kun ĉiuj landoj).
PERPIONAN (Francujo, Pyrénées-Orientales). — S-ro Joseph Balalud, Avenue de la Gare 11, Pl., bfl. (kun eksterlandanoj; mirindaj pejzaĝoj, tipoj, naciaj kostumoj).
PLZEN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Inocenc Gross, 77 tr. Husova III p. (kun ĉiuj landoj).
POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.
POVOA DO VARZIM (Portugalujo). — S-ro Herminio Cunha, Pl., bfl., PM.
PROSTEJOV (Aŭstrio, Moravio). — S-ro R. Fridrich, profesoro, ulice Rejskova 10, (kun samideanoj el malgrandaj, precipe subpremataj nacioj: baska, dana, estona, finna, flandra, galicia, greka, irlanda, kataluna, kimra, litova, lohiŝa, luĵica, serba, skota, slovena, ukraina ktp.
SALPERWICK PAR ST-OMER (Francujo, Pas-de-Calais). — S-ro Marcel Robin.
ST-OMER (Francujo, Pas-de-Calais) — S-ro Edouard Grébert, place Saint-Sépulcre 22.
ST-OMER (Francujo, Pas-de-Calais). — S-ro Maurice Delforge, rue du Lion-Blanc 11.
TETTNANG (Germanujo, Virtembergo). — S-ro Hch. Butz, Pl. (laŭdezire sendos PK. kun bildo de Zeppelina aerŝipo).
TOKIO (Japanujo). — S-ro K. Shirosaki, sekretario de la Interŝanĝa Asocio en Azio, P., O., Box 3, Kojimachi, Pl., PM., L. 2
TRONDHJEM (Norvegujo). — S-ro L. Linqaas, poŝtoficisto PM.
UNGVAR (Hungario). — S-ro Spire, PK., Pl., bfl., L., esp. sigelmarkoj.
UNGVAR (Hungario). — S-ro Euĝeno Rosenbaum, Széchyi placo 3, PK., Pl., L.
VILA NOVA DE GAIA (Portugalujo). — S-ro Alberto Rezende, Rua Cabo Borges 135, Pl., bfl. (koloritajn).
VILLENEUVE-ST-GEORGES (Francujo, Seine-et-Oise). — S-ro A. Bernardon, Sekr. Esper. Grupo, 52, rue de Paris, L., Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).
WANDSBECK APUD HAMBURG (Germanujo.) — S-ro Aug. Brüggemann, Bramfelderstr. 42, PM., Pl. (sendos belajn Pl. kontraŭ PM. uzitaj).
WIEN (Aŭstrio). — S-ro Lambert Kadlec, Goldschlagstr. 109, Pl. (kun ĉiuj landoj).
WIEN (Aŭstrio). — S-ro Fr. Vyhnálek, X., Herndlstr. 23, III., 17.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AERGASLUMIGADO. — Aparaton por Aergaslumigado devas nepre posedi ĉiu, kiu loĝas tie, kie oni ne povas akiri lumigadon per elektro aŭ karbogaso. Malkara kaj tamen belega lumo. Petu prezaron. Adreso: J. M. J. Snoeijink, Denekamp (Nederlando).

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

ĈIUJ PERSONOJ, kiuj intencas veni al Kalifornio por viziti aŭ por vivi, estas petataj skribi siajn informpetojn al la suba adreso. Ĝenerala informo pri la Panama-Pacifika Ekspozicio kaj la samtempe okazonta Tut-Pacifika Esperanto-Kongreso estas senpage donata. Berkeley Esperanto-Societo, 1151 Oxford St., Berkeley, Kalifornio, Usono.

EDUKEJO POR JUNULINOJ. — S-ino Ed. Tuscher Wuilliomenet kaj ŝia filino, diplomita instruistino, akceptas en sia hejmo kelkajn junulinojn dezirantajn lerni la francan lingvon. Prospekto kaj referencoj je dispono. Monata prezo de Fr. 130 (Sm. 52) ĝis Fr. 150 (Sm. 60) laŭ la ĉambro. — Les Erables, Evole 32, Neuchâtel, Svisujo.

ESPERANTA PENSIONO ĉe marbordo Flamengo C. Praia do Flamengo, Brazilujo. Posedanto: Kolonelo Duarte. Tre rekomendata al ĉiuj Esperantistaj turistoj. Prezo 4 Sm. po tago. Oni parolas Esperante.

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-in. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn kun respondkupono) al Remy kaj Kio., Komerckonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

ESPERANTO PAROLATA. — Ŝildo, 22 × 16 ct., blanka fundo kun verda skribo, el emajlo nur fr. 1,50 kun sendo. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

GRAVA AVIZO. — Juna franca instruistino, parolanta tre bone anglan kaj iomete Esperantan lingvojn, serĉas oficon ĉe Angla aŭ Usona familio por instrui francan lingvon. Sin turni al S-ro A. Bernardon, Sek. de Esper. Grupo, 52, rue de Paris, Villeneuve-Saint-Georges (Francujo, Seine-et-Oise).

GRUPOJ, SOCIETOJ, sendu poŝtmandaton aŭ ĉekon de 1 Spesmilo al „Eldonejo Esperantista", adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando, kaj vi tuj ricevos 1 ekz. *Lerno-Ludo'n* Esperantan; demandaro kaj respondaro, la plej bona lernilo kaj amuzilo por kursoj kaj konversaciaj vesperoj. Al ĉiu mendonto estos ankaŭ sendota Pl. kun jubilea poŝtmarko. 1

INFORMO. — E. Souchay sciigas siajn korespondantojn, ke li ne plu loĝas 134 bld. Exelmans, sed 29 rue d'Ablon, en Athis-Mons (Seine et Oise) en bela kaj sana ĉirkaŭaĵo de Parizo. Lia edzino volonte akceptos hejme, kiel pagantan gaston, fraŭlinon dezirantan perfektiĝi en la franca lingvo.

INĜENIERO, kiu konstruas maŝinojn por fari brikojn kaj diversajn artefaritajn ŝtonojn, deziras aĉeti gazetojn kaj katalogojn, kiuj montras tiujn maŝinojn. Li deziras ankaŭ scii, kie oni intencas ekkonstrui brikfabrikojn en la tuta mondo. Sukcesplena helpo estos pagata. Oni skribu al S-ro Mansfeld en Merseburg/Saale, Germanujo, Wilhelmstr. 4. 12

INTERŜANĜO. — Mi deziras interŝanĝi il. poŝtkartojn kun samideanoj en malnovaj kaj karakterize naciaj urboj ekz.: Bremen, Marseille, Moskvo, Sevilla kaj aliaj, ankaŭ kun Italujo, Svisujo, balkanaj, skandinavaj kaj ekstereŭropaj landoj. Mi sendas nur belajn

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO